XXVII-a Jaro. — N° 371-372 (7/8). Monata Julio-Aŭgusto 1931.

# ESPERANTO

Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio

Fondinto : H. HODLER. Redaktoro : D-ro Edmond PRIVAT. Direktoro de UEA : Hans JAKOB.

Adreso de la Redakcio kaj Administracio : 1, Rue de la Tour de l'Ile, Genève.



## Internacia skolta tendaro

Ĉiu konas la skoltan movadon kaj ĝojas vidi geknabojn lerni helpemon kaj iom el praktika vivado sur kampo de l'naturo. Nenie lasu tian movadon fariĝi naciema kaj militista. Male ĝi devus instigi la junularon al paco kaj inter-kompreno de popoloj.

Tial utilas aparte la internaciaj tendaroj, kie skoltoj el diversaj landoj renkontiĝas kaj kunvivas en amikeco dum kelkaj semajnoj.

Tamen ĝis nun tiuj tendaroj ne realigis plenan interamikiĝon pro la lingva baro. Estis interrilatoj inter estroj, sed multaj grupoj, aŭ pli teknike « trupoj » restis aparte kaj ne povis funde konatiĝi kun fremduloj.

Ne temis pri tendaro, sed pli ĝuste pri aro da tendaroj apudaj. Nu Esperanto povas forigi tiun baron kaj komplete transformi la aferon farante el ĝi veran kunvenon internacian de diverslandaj geknaboj en familia rondo.

Tiam ili sentos la benon de paco, la valoron de amikecoj translimaj kaj abomenon al militoj inter popoloj. Unuan fojon eksperimento grandskala estos provata dum la nuna somero en Hungarujo. Internacia tendaro esperantista ricevis oficialan inviton. Ni devas ĉion fari por ĝin sukcesigi.

En nia lasta numero ni publikigis alvokon de S-o P. Balkanyi (Hajos-u. 15, Budapest VI). Jam respondis esperantistaj skoltoj el Britujo kaj alvenos kvardekope. Se vi havas la eblecon, aŭ se via esperantista societo loka, regiona aŭ nacia ĝin havas, helpu la vojaĝon de unu aŭ pluraj skoltoj el via lando por plimultigi la nombron da regnoj reprezentotaj.

Venontan aŭtunon organizu kurson kun vojaĝa premio por skoltoj kaj, en somero 1932, la dua eksperimento fariĝu ankoraŭ pli grandioza en Ĉeĥoslovakio, de kie venas nova invito. En Krakovo ne forgesu interkonsiliĝi pri tio kun alilandaj esperantistoj.

Ne devus esti malfacile trovi ĵurnalon aŭ firmon pretan helpi tian entreprenon por fari al si reklamon inter legantoj. Por geknaboj lerni Esperanton estas ludo kaj tio havigas trafan okazon ekstudi kun difinita celo kaj certa okazo de tuja uzo.

La nuna kaj sekvonta jaro fariĝos gravaj en la historio de la homaro, ĉu per serioza paŝo antaŭen al senarmigo, ĉu per danĝerplena malsukceso kaj verŝajna ekscitiĝo de popoloj.

Ni posedas en manoj unu el plej potencaj iloj por ludi rolon utilan en tiu epoko. Ĉu ne estus krimo lasi tiun lampon sub la lito kaj ne fari ĉion eblan por ke la lingvo de Zamenhof helpu al eduko de la homoj kaj speciale de la junularo per propra sperto kaj rekta rimedo por interamikiĝado ?

Ne lasu preterpasi la okazojn. La tempo gravas, la bezono urĝas kaj Esperanto taŭgas.

Edmond PRIVAT.

# Socio kaj lingvo

## Suahili, helplingvo de Orienta Afriko

*De John Williamson, Dar-es-Salam.*

La ideo de lingvo internacia ne estas nova. En ĉiuj epokoj de nia historio, la altrudo de la lingvo de pli forta potenco al malgranda lando proksima, pensigis la homojn pri tiu-ĉi sama ideo. Eble la plej bona ekzemplo estas la venko de la latina lingvo kiu influas la parolmanieron de la tuta Eŭropo, sed ankaŭ daŭre uzadis taŭgajn vortojn de la indiĝenaj lingvoj de landoj konkeritaj. La angla lingvo estas konata tra la komerca mondo kaj la britaj kolonioj ; kaj estas la lingvo de Norda Ameriko ; la hispana lingvo regas en Sud-Ameriko ; ĉie oni komprenas la francan lingvon, kaj la germana estas potenca tra Orienta kaj Centra Eŭropo kaj en la landoj al kiuj Germanoj unue alportis la semojn de la civilizacio, instruante pri pli bonaj metodoj por gajni vivrimedojn per la terkulturigado.

Oni povus citi multajn tiajn ekzemplojn el la prahistorio kiuj, kvankam la motivo neniam, aŭ almenau malofte estis pacema, tamen kunigis homojn diversnaciajn per komuna lingvo, tiel pretigante la vojon por la mirinda solvo de l'problemo de nia epoko.

Ĉirkaŭ la sesa jarcento post Kristo la Araboj ekstarigis koloniojn ĉe la orienta marbordo de la mistera Afriko. Jam de longe oni iris tien, ĉar la lando estis riĉa je oro, juveloj, eburo — kaj sklavoj. Hodiaŭ oni povas vidi la misterajn ruinojn de Zimbabwe, granda urbo konstruita el ŝtono kiu staras en Rodezio, silenta atesto pri la kuraĝaj koloniistoj de forgesita epoko kiuj konstruis ĝin, kaj tie laboris, ludis, batalis, amis kaj mortis, postlasinte nur tiun ŝtonan atestajon kies misterojn neniu povas legi. Oni ne scias ĉu gi estis konstruita 1000 jarojn post Kristo, aŭ 2000 jarojn antaŭ Kristo !

Tamen la Araboj estis la unuaj pri kiuj ni scias certe ke ili venis grandnombre, ĉar estas iliaj posteuloj loĝantaj ĉe la Afrika marbordo de la Hinda Oceano. Ili trovis, ke la indiĝenoj havas tre multajn lingvojn, kaj kvankam ĉiuj de la Bantu-familio havas unu komunan bazon, ili diferenciĝas tre multe. Dum jarcentoj la triboj interbatalis ĝis ili forgesis, ke iam ili estis samlingvaj, kaj en apudaj vilaĝoj la dialektoj estas tute malsamaj. Do la Araboj ne povis komprenigi sin al la negroj. Bedaŭrinde la ĉefaj metodoj de interkompreniĝo kiujn ili *uzis* estis la glavo, la vipo, kaj la sklavkateno, sed kvankam la akiro de sklavoj kaj eburo restis la ĉefa celo de la Araboj, kelkaj restadis en la marbordaj urboj kiel agentoj ; aliaj starigis siajn negocojn tie, kaj sinsekve kolonioj fariĝis kaj fortikaĵoj konstruiĝis, kie antaŭe estis sovaĝejoj. Kompreneble ili komencis edzinigi indiĝenajn virinojn kaj enporti aliajn en siajn domaranojn.

Tiuj virinoj ne estis samlingvaj, tial la infanoj kiuj naskiĝis devus paroli plurajn lingvojn por ke ili interkompreniĝu kaj tiel ankaŭ devus fari la Araboj mem. Tiel evoluis nova lingvo uzebla de la Araboj kaj ĉiuj tribanoj. Ĝi baziĝis sur la lingvoj de la Bantu familio havante ties gramatikon kaj vortaron, sed ankaŭ la povon ĉerpi vortojn el la araba vortaro kiuj mankis en afrikaj idiomoj, por esprimi abstraktajn ideojn alportitajn de la Araboj.

La gramatiko estas vere mirinda, ĉar ĝi preskaŭ ne havas esceptojn ; nomoj, adjektivoj, verboj ktp kondutas sin laŭregule, kvankam vera skriba lingvo ne ekzistis ĝis la 19a jarcento kiam la misiistoj esploris ĝin. Mi aludas al la Suahila lingvo, konata de la Kabo de Bona Espero ĝis Aden, kaj trans la kontinento ĝis la Okcidenta Marbordo. Ĉe la bordoj de la Persa Golfo kaj de Okcidenta Hindujo oni trovas adeptojn de ĉi tiu internacia lingvo, sed ĝia vera hejmo estas la insulo Zanzibaro kaj la proksimaj marbordoj de Kenjo kaj Tanganjiko, kie troviĝas la Suahiloj mem, t.e. la idoj de Arabaj prapatroj kaj Afrikaj patrinoj.

Pli poste la Persoj aldonis kelkajn vortojn, kaj la Portugaloj, Francoj kaj Hindoj helpis per la aldono de malmultaj vortoj : nun la Suahiloj pruntas el la angla lingvo. La sekvanta tabelo montras la ŝanĝojn necesajn por ke tiaj vortoj estu en bona Suahila stilo :

| Esperanto | Suahila | Portugala | Franca | Angla | Araba |
|---|---|---|---|---|---|
| kesto | kasha | caixa | | | |
| kesteto | bweta | | boîte | | |
| aŭtomobilo | motokaa | | | motor-car | |
| vino | mvinyo | vinho | | | |
| jako | koti | | | coat | |
| justeco | haki | | | | haqq. |
| libro | kitabu | | | | kitab. |
| vino | divai | | du vin | | |
| tablo | meza | mesa | | | |

Dume la vortaro kreskadas laŭ la bezonoj de la lingvo ; kompreneble Afrikano ne havas vorton por « flugmaŝino » tial li nomas ĝin « ndege ya Ulaya » t.e. « birdo de Eŭropo » !

La elparolo de la Suahila lingvo similas al tiu de Esperanto escepte la sekvantaj literoj :
*S.* ch = *E.* ĉ. ; *S.* sh = *E.* ŝ. ; *S.* y = *E.* j ; *S.* j. = *E.* ĝ. ; *S.* Ĝ. = *E.* ŭ. ; *S.* th = Angla th en « Think. » ; *S.* dh. = Angla th. en « then ».

Estas 8 klasoj de nomoj, kaj ne estas seksaj (genraj) diferencoj en tiuj nomoj.

Unua Klaso. En ĉi-tiu klaso troviĝas ĉiuj *vivaj estaĵoj* ; tiuj nomoj havas prefikson « m » en singularo, kaj « wa » en pluralo : ekz. *m*tu = homo ; *wa*tu = homoj. La adjektivo devas akordiĝi kun la nomo, kiun ĝi ĉiam sekvas, kaj ordinare havas saman prefikson.

Ekz., la radiko « -kubwa » havas signifon « grand' » ; tiel « mtu mkubwa » = « granda homo » kaj « watu wakubwa » = « grandaj homoj ».

*2a Klaso.* Ĉi tiu klaso ankaŭ havas prefikson « m » en sing., sed « mi » en plur., kaj nomiĝas la « Arbo-klaso » ĉar ĉiuj arboj troviĝas en ĝi. Ekz. « mto » = « arbo » ; « miti » = « arboj ». La radiko « -refu » = « long' », tiel « mti mrefu » = « longa (alta) arboj ». Se oni aldonas al la nomo de iu frukto la prefikson « m », fariĝas la fruktarbo ; « chungwa » = « oranĝo » ; « mchungwa » = « oranĝarbo », au « oranĝujo ».

*3a Klaso.* havas komencliteron « n », kaj ne sanĝiĝas en pluralo. « nyumba » = « domo(j) ». La radiko « -zuri » havas signifon « bel' », tiel « nyumba nzuri » = « bela domo. ».

Malfeliĉe por ne-Suahilo, la « n » malaperas antaŭ ch, f, h, k, p, s, t, kaj farigas « m » antaŭ b, v, & w, sed tio ne ĝenas Afrikanon kiu ne povas prononci ĝin antaŭ tiuj literoj laŭregule. Fremdlingvaj vortoj troviĝas en ĉi tiu klaso en perfekta Suahila, sed multaj el tiuj troviĝas en 5a klaso en popola dialekto.

4a Klaso havas en ununombro prefikson « ki » kaj en plurnombro « vi ». (Se la radiko komencas per vokalo la prefiksoj estas « ch » kaj « vy »). « kitabu » « vitabu » = « libro(j) ». En ĉi tiu klaso troviĝas i.a. ĉiuj diminutivoj (Esp.-et). « mtoto » = « infano » ; « kitoto » = « infaneto ». « nyumba » = « domoj » ; « vyumba » = « ĉambroj » (t.e. malgrandaj domoj).

5*a. Klaso* ne havas difinitivan prefikson en ununombro. (krom se la radiko komencas per vokalo, tiam ĝi havas prefikson « j » ; « j'ambo » = « afero », aŭ se ĝi estas unusilaba, la prefikso estas « ji » ; « ji' cho » = « okulo ») ; la plur. prefikso estas « ma ». Fremdaj nomoj, titoloj ktp troviĝas en ĉi tiu klaso ankaŭ multaj aliaj fremdaj vortoj kiel « gazeti » = « gazeto ». Fruktojn ankaŭ ĝi entenas ; « limao », « malimao » = « citrono(j) ». La adjektivo sekvas la kutiman regulon, kaj prefiksas « ma » en pluralo.

6*a Klaso.* havas en ununombro prefikson « u » (« w » antaŭ vokalo), kaj en plur. nombro la « u » malaperas, (sed « w » fariĝas « ny » antaŭ vokalo). I.a. ĉiuj abstraktaj vortoj troviĝas en 6a Klaso. « -zuri » = « bel' » ; « uzuri » = « beleco ».

Kaj la abstraktaj vortoj formiĝas per la aldono de « u » al la radiko ; ekz.« -zuri » = « bela » ; tial « *u*zuri » = « beleco » « -refu » = « longa » ; tial « *u*refu » = « longeco ». La vortoj kies radikoj komencas per vokalo kiel ekzemple « uso » « nyuso » = « vizaĝo(j) » ; « uimbo » nyimbo » = « kanto(j)».

7*a Klaso* havas nur unu vorton, « mahali » = « loko », kaj ĝia adjektiva prefikso estas « pa » ; « mahali pakubwa » = « granda(j) loko(j) ».

8*a Klaso* konsistas el verbaj infinitivoj uzataj klei nomoj, kaj havas prefikson « ku » (kiel ĝin ankaŭ ĉiuj infinitivoj). Ekz. « kufa » = « mort*i* » ; « -baya » = « malbona » ; « kufa kubaya » = « malbona morto ».

La vortoj « tiu » & « tiu ĉi » montrantaj direkton ankaŭ akordiĝas kun la nomo ekzemple :

| Klaso | Nomo | Tiu ĉi | Tiu | Tiuj ĉi | Tiuj |
|---|---|---|---|---|---|
| 1. | mtu. | huyu. | yule. | hawa. | wale. |
| 2. | mti. | huu. | ule. | hii. | ile. |
| 3. | nyumba. | hii. | ile. | hizi. | zile. |
| 4. | kiti. (seĝo) | hiki. | kile. | hivi. | vile. |
| 5. | yai. (ovo) | hili. | lile. | haya. | yale. |
| 6. | uimbo. | huu. | ule. | hizi. | zile. |
| 7. | mahali | hapa. | pale. | hapa. | pale. |
| 8. | kufa. | huku. | kule. | huku. | kule. |

Oni vidas ke la unua litero de ĉiu « tiu ĉi » estas « h » : ke la fina silabo de ĉiu « tiu » estas « le » ; kaj ke oni almetas la finan silabon de la « tiu ĉi » vorto al la « le » de la « tiu » vorto » ; ekz. hu-yu fariĝas yu-le, ktp.

*La pronomoj estas:*

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| mimi. | wewe. | yeye. | sisi. | ninyi. | wao. |
| mi | ci | li | ni | vi | ili |

Sed oni nur uzas tiujn emfaze : kutime oni uzas prefiksojn kiujn oni aldonas al la verbo : estas prefikso por ĉiu nomklaso, kaj, en la la. klaso, por ĉiu persono, jene :

Pronomo mi = prefikso ni-. Pronomo ci = prefikso u-. Pronomo li = Prefikso a-. Pronomo ni = prefikso tu-. Pronomo vi = prefikso m. pronomo ili = prefikso wa.-

Por la aliaj klasoj oni ankaŭ uzas prefikson, jene :

| Klaso. | 1. | 2. | 3. | 4. | 5. | 6. | 7. | 8. | Sing. |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| (vidusupre) | u. | i. | ki. | li. | u. | pa. | ku. | | |
| » | i. | zi. | vi. | ya. | zi. | pa. | ku. | | Plur. |

*La tempojn* de la verboj on esprimas per *infiksoj* : jene :

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| nuna | tempo | havas | infikson | -na- |
| pasinta | » | » | » | -li- |
| perfekta | » | » | » | -me- |
| venonta | » | » | » | -ta- |
| kondiĉa modo | » | » | prefikson | -nge- |
| infinitiva | » | » | prefikson | -ku- |

Do la verboj konstruiĝas tiel (1) pronoma prefikso ; (2) tempa infikso ; (3) verba radiko ; kaj la tuto formas unu vorton, jene : la radiko « penda » = « am' » : mi amas = = ni' na' penda = ninapenda. ci amis = u'li'penda = ulipenda. li(ŝi) estas aminta = a'me'penda = apependa. ni amus = tu'nge'penda = tungependa. vi(plur)amos = mtapenda ; ili amus = wangependa. Aliaj formoj estas : mi estus aminta = ningalipenda. se; aŭ kiam ci amas, aŭ amos, = ukipenda. eĉ se li amas (-us, au-os) ajapopenda ; ni amu = tupende : amu = penda : kaj vi amis = mkapenda. (2a Klaso) Mti u'li'anguka = la arbo falis (3a Klaso) ndizi zilianguka = la bananoj falis ktp. Tiuj ekzemploj montras la strukturon de la aktiva verbo ; la pasiva formo estas tute simila krom ke ĝi havas « w » antaŭ la fina « a » de la verbo : « kupenda » = « ami » ; « kupendwa » = « esti amata ». Nilipendwa = « mi estas amita, aŭ, mi estis amata».

La signo de *neo* estas « h » krom en malmultaj okazoj. En la nuna tempo de la verbo la fina « a » fariĝas « i » kaj la suprecititaj pronomprefiksoj estas anstataŭigitaj per si, hu, ha, hatu, ham, kaj hawa : tiel la nea formo de la nuna formo estas (mi ne amas ktp) sipendi, hupendi, hapendi, hatupendi, hampendi, hawapendi, haupendi, haipendi, hakipendi, halipendi, haupendi, hapapendi, hakupendi, ktp. En la pasinta tempo, oni aldonas la « h », kaj la infikson « -ku- », tiel oni dirus (mi ne falis ktp) sikuanguka, hu'ku'anguka, ktp, la unua persona pronomo sole ne havante « h ». La venonta tempo similas al la afirmativa, sed havas la neajn prefiksojn, sitapenda, hutapenda, hatapenda, ktp.

La akuzativon oni formas per infiksoj, kiuj estas samaj kiel la verbaj pronomaj prefiksoj (vid. sup) (vidi = ku'ona). Li vidis min' = a'li'ni'ona. Mi vid'os la domo'n = ni'ta'i'ona nyumba. Ni vid'as seĝo'n = tu'na'ki'ona kiti.

Oni uzas la samajn infiksojn por la dativa kazo : -Li montris ŝin al mi = a-li-ni-mw-onyesha = alinimwonyesha. (kuonyesha = montri).

Adverboj devenintaj de radikoj havas prefikson « vi » : la radiko «-zuri » havas signifon « bel' » : mzuri = bela (Kl. 1) uzuri = bel(ec)o, kaj vizuri = bele. Arabdevenaj adverboj ne ŝanĝas ; mtu hodari = kuraĝa homo : watu hodari = kuraĝaj homoj (sen ia prefikso).

Per la aldono de la sufikso « na », verbo fariĝas reciproka : kupend*ana* = 'ami unu la alian'. Ofte la prepozicion oni esprimas per ŝanĝo al la verbo : 'kuleta' = 'alporti' ; 'kulet*ea*' = 'alporti al (iu)' ; 'kufa' = 'morti ' ; 'kufia' = 'morti pro (iu)' ; La 'iga' formo de la verbo formiĝas per la

ŝanĝo de la fina 'a' je 'sha' au 'za' : ekz. : 'kuzidi' = 'kreski' ; 'kuzidisha' = 'kreskigi' ; 'kufanya = 'fari' ; kufanyiza = 'farigi'. Aliaj vortoj ankaŭ donas tian rezultaton : 'laini' = 'mola' ; 'kulainisha' = 'moligi' ;

Jen skizo de lingvo kiu alportis la benojn de la edukado al homoj diversgentaj, kiuj alie ne povus havi eĉ librojn pro la multenombreco de iliaj idiomoj. La Tanganjika Registaro jam starigis bonajn lernejojn kie la negroj iĝas utilaj anoj de sia lando, lernante la kutimajn instru-objektojn kaj ankaŭ utilajn metiojn. Ili havas librojn ĉiuspecajn en Suahila lingvo, inkluzive famajn anglajn romanojn de H. Rider Haggard, kaj R. L. Stevenson, fabelojn de Rudyard Kipling ktp. Ankaŭ libroj pri terkulturado, higieno, simpla ĥemio, krom legolibroj kaj interesaĵoj verkitaj de la nelacigeblaj misiistoj trovas lokon sur la bretoj de homoj kies patroj estis sovaĝuloj, kies porteblaj posedaĵoj eble sumiĝis en pafarko, sagoj kaj tranĉilo.

Ekzemplo de la lingvo :

*Kwa maana jinsi hii Mungu aliupenda ulimwengu, hatta akampeleka Mwana wake wa pekee, illi mtu aliye yote amwaminiye asipotee, bali apate uzima wa milele.*

Supra teksto laŭ la dialekto parolata en Zanzibaro, respondas al la parto el Sankta Johano 3. 16, nome :

*Ĉar Dio tiel amis la mondon, ke li donis sian solenaskitan Filon, por ke ĉiu, kiu kredas je li, ne pereu sed havu eternan vivon.*

## 7-a Somera Universitato en Esperanto

Krakovo, 1-8 Aŭg. 1931

*Rektoro :*

Dro. Jerzy Loth, Profesoro de l'Universitato de Varsovio.

*Vicerektoroj :*

D-ro Stanislaw Nowakowski, Profesoro de l'Universitato de Poznan.

D-ro Edm. Privat, Priv. Docento ĉe la Universitato de Ĝenevo.

PROGRAMO DE LA PRELEGOJ

*Ĝenerala temo: TURISMO*

Inĝeniero D-ro K. H. Friedman, Dresdeno :

*Danĝeroj de Alpa montmigrado.*

D-ro Walery Goetala, Profesoro de geologio de l'Jagellona Universitato en Krakovo :

*Naciaj Parkoj kaj konservado de l'naturo.*

D-ro Aug. Pitlik, Supera Komisaro en la Ĉeĥoslovaka Ministerio de Turismo: *Metodoj de sukcesa turisma informado kaj gvidado al eksterlandanoj.*

D-ro. Wlad. Szafer, Profesoro de Botaniko de la Jagellona Universitato kaj delegito de la Ministerio de popola klerigado :

*Naciaj Parkoj por konservado de l'naturo.*

D-ro. Viktor Wilkosz, Profesoro de Matematiko de l'Jagellona Universitato en Krakovo :

*Signifo de l'turismo por la mensa evoluo.*



# Tekniko

## Per nova akustiko al nova muziko

*De A. Lăufer, Mainz.*

La nova akustiko estas la elektra akustiko. Ni dankas ĝin al la evoluo de la senfadena telefonio. La ĝisnuna muziko uzas la oscilladon de elastaj korpoj. La elektra akustiko uzas la osciladon de la jonoj en la trielektroda lampo. La instiganto de la sono estas la alternfluo. La sono en la vakua tubo devenas do de preskaŭ senmateria oscilado. Tial ĝi estas tre varikapabla kaj sentema ĉiurilate, laŭ forto, laŭ alto, laŭ koloro. Ĉi tiu variado estas preskaŭ senmezura ; ĉiel ĝi atingas la limojn de aŭdebleco.

Ĉiu kiu aŭskultas radion kaj uzas turneblan kondensatoron scias ion pri reakcia kuplado kaj jam aŭdis la akrajn sonojn, kiuj ĝenas najbarajn aŭskultantojn. La trielektroda lampo fariĝas generatoro kaj eligas la sonojn. Per simpla turno, oni facile povas aŭdigi seninterrompan vicon de sonoj, tra pluraj oktavoj. Jen la principo laŭ kiu *Jŏrg Mager* en Darmstadt konstruas novajn orgenojn. La elektra orgeno bezonas nek lignon nek metalon por fajfiloj. Tio estas granda ŝparo je materialo kaj spaco. Oni nur pripensu ke granda orgeno bezonas grandan nombron da fajfiloj kun 13,50 metroj da longeco.

Sistemo de kondensatoroj ebligas dividi la intervalon de unu sono en 1/200. Sed pro troa komplikeco de la instrumento, oni ne uzas tiun eblecon. Oni eble uzos ½ kaj 1/3 kaj 1/4 sonojn. La uzataj kondensatoroj estas blok-kondensatoroj. Ili havas prisman formon kaj per enskribo montras la nombron de mikrofaradoj. Ili variigas la alton de la sonoj.

Sistemo de reostatoj variigas la forton de l'elektra fluo kaj per tio la forton de la sono. Tiu variado ampleksas ĉiujn gradojn de la tondra sono tremiganta la fenestrojn ĝis la sono aŭdebla nur en silenta nokto.

Preskaŭ ĉiu muzikinstrumento estas unukolora. La elektra orgeno de Mager havas grandan facilecon kaj preskaŭ senliman eblecon kunmeti kaj miksi la plej diversajn sonkolorojn, li uzas sonskribilon kaj sonfiltron. *Profesoro Wagner* konstruis tiujn aparatojn. Al ili la elektra orgeno dankas ĝian senfinan varieblecon. Sub la influo de Wagner, Jörg Mager konstruis 1922 sian sferofonon. Hodiaŭ li jam ludas orgenon, kiu igas atenti la fabrikantojn de orgenoj. Profesoro de muziko-scienco D-ro Sachs en Berlin diras pri la sferofono :

« Niaj ĝisnunaj sonkoloroj estas tre malgranda eltranĉo el la senfineco de la eblaj sonkoloroj. »

La elementoj por tiu sonkoloriga influigo estas membranoj kun elektromagnetaj instigiloj ligataj kun ĉiuspecaj resonatoroj : Vitro, ligno, ladoj el ĉiuspecaj metaloj kaj alojoj. Resume : Per analizo kaj sintezo de la sono oni povas forigi aŭ aldoni suprajn sonojn laŭvole per filtroj kaj resonatoroj.

La mikro-intervaloj nepre ŝokos la ĝisnunajn muzikverkistojn, la tradiciemajn konservativajn muzikistojn. Ili kontraŭbatalos la kvaron-kaj seson-sonon. Sed ĝuste la estonta homo kaptos tiun ideon. La « Omni toniam » la revo de la mezepoko efektiviĝos.

Jŏrg Mager jam laboras praktike. Li jam konstruas uzeblajn instrumentojn. Temas precipe pri instrumentoj por koncertejo, preĝejo kaj filmteatro.

# Literaturo

## Der Weg zurück

### De Erich Maria Remarque

*La Vojo returne... tiel titoliĝas la sekvo al la romano « En Okcidento nenio nova » plej disvastigita libro postmilita. Remarque priskribas en tiu ĉi nova verko la revenon de la batalintoj al la hejmo, la animan konflikton kreitan el la kontrasto de preskaŭ forgesitaj moralaj perceptoj kaj la realaĵon de l'fronta spertado. La milito ne nur detruis vivojn sed ankaŭ animojn.*

*Kiel la unua verko ankaŭ tiu ĉi aperas en Esperanto. La rajton akiris la eldonejo de Heroldo de Esperanto en Kõln. La tradukon prizorgis S-ro Jofebo. Ni prezentas al nia legantaro la unuan ĉapitron. La libro mem aperos post nelonge.*

La ŝoseoj etendiĝas longe tra la pejzaĝo, la vilaĝoj kuŝas en griza lumo, la arboj susuras kaj la folioj falas, faladas.

Sur la ŝoseoj moviĝas, paŝon post paŝo, la grizaj homkolonoj en siaj paliĝintaj, malpuraj uniformoj. La barbostoplaj vizaĝoj sub la ŝtalkaskoj estas mallarĝaj kaj kavigitaj de malsato kaj mizero, elfositaj kaj kunfanditaj je tiuj linioj, kiujn gravuras teruro, braveco kaj morto. Silente ili antaŭeniĝadas, same kiel ili marŝadis jam laŭ tiom da ŝoseoj, sidadis en fervojaj ŝarĝvagonoj, kaŭradis en tiom da frontaj ŝirmejoj, kuŝadis en tiom da grenadtuneloj — sen multaj paroloj ; tiel ili marŝadas ankaŭ nun laŭ ĉi tiu ŝoseo en la hejmon kaj en la pacon. Sen multaj paroloj.

Maljunaj homoj kun barboj, kaj mallarĝaj, ankoraŭ ne dudekjaraj kamaradoj, sen diferenco. Apud ili iliaj leŭtenantoj, junuloj-infanoj, sed gvidintoj en multaj noktoj kaj atakoj. Kaj post ili la armeo de la mortintoj. Tiel ili marŝadas antaŭen, paŝon post paŝo, malsanaj, duonmortintaj pro malsato, sen municio, en malmultnombraj kompanioj, kun okuloj ankoraŭ ne kapablaj kompreni tion : esti foriĝintaj el la Hadeso — esti sur la vojo returne al la Vivo.

I.

La kompanio marŝas malrapide, ĉar ni estas lacaj kaj krome kunportas vunditojn. Pro tio nia grupo iom post iom postrestas. La pejzaĝo estas monteta, kaj kiam la ŝoseo maldeklivas, ni povas vidi de sur la altaĵo je unu flanko la reston de niaj formaŝantaj trupoj kaj je la alia la densajn, senfinajn homliniojn kiuj nin sekvas. Estas amerikanoj. Kvazaŭ larĝa rivero iliaj kolonoj ŝoviĝas antaŭen inter la arbovicoj, kaj super ili treme kuras la moviĝema briletado de l'armiloj. Sed vaste ĉirkaŭe kuŝas la trankvilaj kampoj, kaj la suproj de l'arboj serioze kaj senrilate elstaras per siaj aŭtunaj koloroj el la alŝoviĝanta fluego.

Ni kampadis dum la nokto en malgranda vilaĝo. Malantaŭ la domoj, en kiuj ni kuŝis, fluas rivereto borderita de salikoj. Mallarĝa vojeto kondukas laŭ ĝia bordo. Unuope, en longa vico ni laŭiras ĝin. Kosole estas la unua. Apud li kuras Wolf, la kompania hundo, kaj flaras je lia pansako.

Subite tie, kie la vojeto kuniĝas kun la ĉefvojo, Ferdinand returnsaltas.

« Atenton ! »

En la tujposta momento ni, kun suprenlevitaj fusiloj, fulmrapide disiĝas. Kosole kuŝas en la ŝosea foso, preta por ekpafi, Jupp kaj Trosske klinkaŝiĝas spione malantaŭ sambuk-arbusto, Willy Homeyer ektiras je sia ledozono kun mangrenadoj, kaj eĉ niaj vunditoj estas batalpretaj.

Laŭlonge de la ŝoseo venas amerikanoj. Ili ridas kaj interbabilas. Tio estas la antaŭgvardio, kiu nin atingis.

Adolf Bethke kiel sola inter ni restis staranta. Li nun faras kelkajn paŝojn el la ŝirmloko, sur la straton. Kosole ree leviĝas. Ankaŭ ni aliaj pripensas la situacion, konfuze kaj embarase ordigante niajn zonaĵojn kaj niajn fusilrimenojn — de kelkaj tagoj oni ja ne plu batalas.

La amerikanoj surprizite ekhaltas, ekvidante nin. Ilia interparolado ĉesas. Malrapide ili alproksimiĝas. Ni retiras nin direkte al remizo, por esti dorse ŝirmitaj, kaj observe atendas. La vunditojn ni prenas en la mezon.

Post unu minuto da silento arbo-alta amerikano eliĝas el la grupo antaŭ ni, farante mansignon.

« He, kamarado ! »

Adolf Bethke same levas la manon. « Kamarado ! »

La situacio malstreĉiĝas. La amerikanoj alproksimiĝas. Post unu momento ni estas ĉirkaŭitaj de ili. Tiel proksime ni vidis ilin ĝis nun nur tiam, kiam ili estis kaptitaj aŭ mortintaj.

Estas stranga momento. Silente ni alrigardas ilin. Ili staras en duoncirklo ĉirkaŭ ni, ĉiuj grandaj, fortikaj homoj, ĉe kies aspekto oni tuj konstatas, ke ili ĉiam havis sufiĉe por manĝi. Ĉiuj estas junaj — neniu el ili estas eĉ proksimume tiel aĝa kiel Adolf Bethke aŭ Ferdinand Kosole — kaj ili ambaŭ vere ja ne estas niaj plej maljunaj. Sed ankaŭ neniu el ili estas tiel juna kiel Albert Trosske aŭ Karl Brõger — kaj ili eĉ ankorau ne estas niaj plej junaj.

Ili portas novajn uniformojn kaj novajn mantelojn ; iliaj botoj estas nepenetreblaj por akvo kaj ĝustformaj ; iliaj armiloj estas bonaj kaj iliaj poŝoj plenaj de municio. Ĉiuj estas freŝaj kaj ne eluzitaj.

Kompare kun tiuj homoj ni estas nepre nur ŝtelista bando. Niaj uniformoj estas senkolorigitaj de la koto de l'jaroj, de la pluvo de l'Argonoj, de la kalko de l' Ĉampanjo, de la marĉakvo en Flandrujo ; — la manteloj disĉifonitaj de grenadsplitoj kaj ŝrapneloj, flikitaj per grandaj kudretoj, rigidaj pro argilo kaj kelkfoje pro sango ; — la botoj uzaĉitaj, la armiloj malpreciziĝintaj, la municio preskaŭ for ; — ni ĉiuj estas egale malpuraj, egale sovaĝiĝintaj, egale lacaj. La milito kvazaŭ vaporpremilo transrulis nin.

Pli kaj pli da trupoj alvenas. La placo estas nun plena de scivoluloj.

Ni staras ankoraŭ en la angulo, kunpremitaj ĉirkaŭ niaj vunditoj, — ne pro tio ke ni timas, sed ĉar ni apartenas unu al la aliaj. La amerikanoj puŝetas sin reciproke, signante niajn malnovajn eluzitajn objektojn. Unu proponas

al Breyer pecon da blanka pano, sed tiu ne akceptas ĝin, kvankam el liaj okuloj rigardas la malsato.

Subite iu kun subpremita ekkrio gestas al la bandaĝoj de niaj vunditoj. Ili konsistas el krispa papero kaj estas fiksitaj per ŝnurfadenoj. Ĉiuj alrigardas ; — poste ili paŝas returne kaj interflustradas. Iliaj afablaj vizaĝoj fariĝas kompatemaj, ĉar ili vidas, ke ni eĉ muslinajn bandaĝojn jam ne havas.

La viro, kiu antaŭe alvokis nin, metas la manon sur la ŝultron de Bethke. «— Germano — bona soldato », li diras, « brava soldato — »

La ceteraj fervore kapsignas.

Ni ne respondas, ĉar nun ni ne estas kapablaj respondi. La lastaj semajnoj treege suferigis nin. Ree kaj ree ni devis antaŭeniri en la kanonadon kaj perdis homojn sen ia neceso ; sed ni ne demandis multe ; ni simple agis kiel ni agis dum la tuta tempo, kaj je la fino nia kompanio havis ankoraŭ tridek-du virojn el ducent. Tiel ni elvenis, ne pripensante plu, sentante nur, ke ni faris bone tion, kion oni komisiis al ni.

Sed nun, sub la kompatemaj okuloj de l'amerikanoj ni ekkomprenas, kiel sensenca estis ĉi ĉio ankoraŭ ĉe la fino. La aspekto de iliaj senfinaj, riĉe provizitaj kolonoj montras al ni, kontraŭ kia senesperiga plipotenco de homoj kaj materialo ni rezistadis.

Ni mordas niajn lipojn nin rigardante. Bethke fortiras sian ŝultron sub la mano de l'amerikano, Kosole fiksrigardis antaŭ sin, Ludwig Breyer rektigas sin — ni tenas pli forte niajn fusilojn, niaj ostecaj membroj streĉiĝas, la okuloj malmoliĝas kaj ne rigardas malsupren, ni denove vidas en la pejzaĝon, el kiu ni venis, niaj vizaĝoj fariĝas rigidaj pro emocio, kaj varmege travibras nin ankoraŭ unufoje : ĉio kion ni faris, ĉio kion ni suferis, kaj ĉio kion ni lasis malantaŭe.

Ni ne scias, kio okazas al ni ; sed se nun akra parolo alflugus, ĝi tute streĉus nin, vole-nevole, ni ĵetus nin antaŭen ekfuriozante, sovaĝe kaj senspire, freneze kaj perdite, kaj ni batalus — malgraŭ ĉio batalus denove —

Fortikstatura serĝento kun ekscite-arda vizaĝo ŝovas sin direkte al ni. Super Kosole'n, kiu staras plejproksime de li, li ŝprucigas abundon da germanaj vortoj. Ferdinand ekskuiĝas, tiom li estas surprizata.

« Tiu parolas ja ekzakte kiel ni », kun miro li diras al Bethke, « kion vi diras nun ? »

La viro parolas eĉ pli bone kaj pli flue ol Kosole. Li rakontas, ke antaŭ la milito li estis en Dresdeno kaj tie havas multajn amikojn.

« En Dresdeno ? » demandas Kosole pli kaj pli mirigite, « tie ankaŭ mi ja estis du jarojn — »

La serĝento ekridetas, kvazaŭ tio estus honorigo. Li nomas la straton, en kiu li loĝis.

« Eĉ ne kvin minutojn distance de mi », nun Ferdinand klarigas ekscitite, « mirige ke ni ne vidis nin ! Ĉu vi eble konas la vidvinon Pohl, ĉe angulo de Johanstrateto ? Dikulinon kun nigraj haroj ? Mia mastrino ! »

La serĝento ne konas ŝin ; li siaflanke konas la kalkulkonsiliston Zander, pri kiu Kosole ne povas memori. Sed ambaŭ memoras pri la Elbo kaj la Kastelo kaj gajradie rigardas sin reciproke, kvazaŭ ili estus malnovaj amikoj. Ferdinand frapas sur la supran brakon de l' serĝento : « Homo, homo — babilaĉas germane kiel spertulo kaj estis en Dresdeno ! Homo, pro kio envere ni ambaŭ intermilitadis ? »

La serĝento ridas kaj ankaŭ ne scias. Li eltiras paketon da cigaredoj kaj prezentas ĝin al Kosole. Tiu rapide ekprenas, ĉar por bona cigaredo ĉiu el ni volonte donus pecon de sia animo. Niaj propraj konsistas nur el fagfolioj kaj fojno, kaj tio estas eĉ la pli bona speco. Valentin Laher asertas, ke la ordinaraj konsistas el zostero kaj sekigita ĉevalsterko, — kaj Valentin estas fakulo.

Kosole plenĝue forblovas la fumon. Ni avide flaradas. Laher paliĝas. Liaj nazvandoj vibradas. « Donu foje unu fumtiron », li petege diras al Ferdinand. Sed antaŭ ol li povas ekpreni la cigaredon, alia amerikano prezente tenas al li paketon da virĝinia tabako. Nekredeme Valentin alrigardas lin. Poste li ĝin prenas kaj ekflaras je ĝi. Lia vizaĝo radias. Hezite li redonas la tabakon. Sed la alia proteste malakceptas kaj forte signas la kokardon sur la soldata ĉapo de Laher, kiu iom eliĝas el la pansako.

Valentin ne komprenas lin. « Li deziras interŝanĝi la tabakon kontraŭ la kokardo », klarigas la serĝento el Dresdeno. Tion Laher eĉ malpli komprenas. Ĉi tiun unuakvalitan tabakon kontraŭ lada kokardo — la viro certe estas freneza. Valentin ne eldonus la paketon, eĉ ne, se li tuj sur la loko povus avanci je suboficiro aŭ leŭtenanto. Li proponas al la alia tuj la tutan ĉapon kaj per tremantaj fingroj avide ŝtopas la unuan pipon.

Ni nun komprenis la signifon de la okazo : la amerikanoj deziras interŝanĝi. Oni rimarkas, ke ili ankorau nelonge estas en la milito ; ili ankoraŭ kolektas rememoraĵojn, epoletojn, kokardojn, zonbukojn, ordenojn, uniformbutonojn. Ni, niaflanke, provizas nin per sapo, cigaredoj, ĉokolado kaj konservaĵoj. Por nia hundo ili volas doni al ni krome eĉ tutan manplenon da mono ; — sed ili ofertu kiom ajn Wolf restos ĉe ni.

Ankaŭ rilate al niaj vunditoj ni estas bonŝancaj. Amerikano kun tiom da oro en la buŝo, ke la buŝaĉo brilas kiel latunlaborejo, deziras havi bandaĝoĉifonojn kun algluiĝinta sango, por ke li povu pruvi hejme, ke ili efektive estis el papero. Li proponas unuakvalitan kekson kaj antaŭ ĉio brakplenon da bandaĝmaterialo. Zorgeme kaj tre kontente li gardas la ĉifonojn en sian leterujon, precipe tiujn de Ludwig Breyer ; ĉar tio estas leŭtenanta sango. Ludwig devis surskribi per krajono lokon, nomon kaj regimenton, por ke ĉiu en Ameriko tuj povu vidi, ke la afero ne estas ia trompo. Unue li ja ne volis ; sed Weil persvadis lin, ĉar ni urĝe bezonegas la bonan bandaĝmaterialon. Krome la kekso estas vera savo por Breyer kun lia disenterio.

Sed la plejbonan ŝancon trafas Arthur Ledderhose. Li altrenas keston kun « feraj krucoj », kiun li trovis en forlasita oficejo. Amerikano same sulktrajta kiel li, kun sama citrona vizaĝo, volas akiri la tutan keston pogrande. Sed Ledderhose nur rigardas lin per longa, supera rigardo el kunpremitaj okuloj. La amerikano eltenas la rigardon same senmove kaj laŭŝajne senmalice. Ambaŭ subite sin similas kiel fratoj. Super milito kaj morto ĉi tie rekontiĝas io, kio transdaŭris ĉion : la negoca spirito.

La kontraŭulo de Ledderhose baldaŭ rimarkas, ke li ĉi tie ne havas ŝancon por negoci, ĉar Arthur ne estas trompebla : pomalgrande lia komercado estas ege pli profitodona. Li interŝanĝadas, ĝis kiam la kesto estas malplena. Apud li kolektiĝas iom post iom amaso da aĵoj, eĉ butero, silko, ovoj kaj tolaĵo, tiel ke li fine staras kiel konsumbutiko sur O-gamboj.

Ni ekformarŝas. La amerikanoj vokas kaj gestas post nin. Precipe la serĝento el Dresdeno estas nelaciĝema. Ankaŭ Kosole estas emociita, en tia grado kia estas ebla ĉe malnova soldato. Li gruntas kelkajn adiaŭajn sonojn mansignante ; sed tio aspektas ĉe li ankoraŭ samtiel, kvazaŭ li minacus. Poste li diras al Bethke : « Tute prudentaj uloj, ĉu ne ? »

Adolf kapjesas. Silente ni daŭrigas nian vojon. Ferdinand malrektigas la kapon. Li estas pensanta. Ne ofte li faras tion, sed kiam io venis en lian kapon, tiam li estas obstina kaj pense maĉas ĝin dum longa tempo. Li ne povas malmemori la serĝenton el Dresdeno.

El la vilaĝoj la homoj fiksrigardas nin de malantaŭe. En dometo de fervoja gardisto floroj staras ĉe la fenestro. Virino kun plenaj mamoj suĉigas infanon. Ŝi portas bluan veston. Hundoj bojadas post nin. Wolf boje respondas. Apud la vojo koko saltas sur kokinon. Ni fumadas senpense.

* * *

Marŝadi, marŝadi. La zono de la frontlazaretoj. La zono de la provizoficejoj. Granda parko kun platanoj. Sub la arboj brankardoj kaj vunditoj. Falas la folioj kovrante ilin per ruĝo kaj oro.

Gaslazareto. Gravaj malsanuloj ne plu transporteblaj. Bluaj, vaksecaj, verdaj vizaĝoj, mortecaj okuloj, dismorditaj de la acidaĵo, stertorantaj, baraktantaj mortantoj. Ĉiuj volas foriĝi, ĉar ili timas la kaptiĝon. Kvazaŭ ne estus tutegale, kie morti.

Ni provas ilin konsoli, dirante ke ĉe la amerikanoj ili estos pli bone flegataj. Sed ili ne aŭskultas. Denove kaj denove ili vokas al ni, ke ni bonvolu ilin kunporti.

La vokado estas terura. La palaj vizaĝoj aspektas tiel nerealaj en la klara aero ĉi tie ekstere. Sed plej malbone statas la afero pri la barboj. Ili strange staras hirtaj, malmolaj obstinaj, parazitaj ĉirkaŭ la kadukiĝintaj makzeloj, kvazaŭ nigra ŝimtavolo kiu nutriĝas des pli, ju pli la homoj konsumiĝas.

Kelkaj el la grave-vunditoj etendas siajn maldikajn, grizajn brakojn kiel infanoj. « Bonvolu kunporti min, kamaradoj », ili kvazaŭ almozpetas, « kunportu min, kamaradoj ! »

En iliaj okulkavoj kaŭras jam profundaj, fremdaj ombroj, el kiuj pene eliĝas la okulgloboj jam nur kiel dronantoj. Aliaj estas silentaj ; ili sekvas nin nur per la rigardoj tiom malproksimen kiom eble.

Iom post iom la kriado malfortiĝas. Malrapide preteriĝas la ŝoseoj. Ni ŝarĝeportas multajn objektojn, ĉar ion oni ja devas kunporti hejmen. Nuboj pendas je la ĉielo. Posttagmeze traboras ilin la suno, kaj betuloj, kun nur malmultaj folioj, respeguliĝas en la pluvomarĉetoj de l'vojo. Facila, blua vaporeto ŝvebas inter la branĉoj.

Dum mi marŝas, kun la tornistro surdorse, kun kapo klinita, mi vidas ĉe la ŝose-rando, en la klaraj pluvmarĉetoj, la bildon de la helaj, silkecaj arboj, kaj ĝi estas pli forta en ĉi tiu hazarda spegulo ol en realeco. Enmetite en la bruna grundo ĉi tie kuŝas peco da ĉielo, arboj, profundeco kaj klareco, kaj subite mi froste ektremas. La unuan fojon post longa tempo mi ree eksentas, ke io estas bela, ke ĉi tio estas simple bela, bela kaj pura, ĉi tiu bildo en la akvomarĉeto antaŭ mi... kaj en tiu ektremado leviĝas mia koro alten, ĉio forfalas de mi dum unu momento, kaj nun mi konscias unuafoje : paco —, vidas : paco —, elsentas ĝin plene : paco. Foriĝas la premo nenion lasinta libera ĝis nun, io nekonata, io nova ekflugas, mevo, blanka mevo Paco, tremanta horizonto, tremanta atendo, unua ekrigardo, antaŭsento, espero, io ŝveliĝanta, venanta : paco.

Mi subite ekskuiĝas kaj rigardas post min ; tie malantaŭe kuŝas nun miaj kamaradoj sur la brankardoj kaj ankoraŭ kriadas. Estas paco, kaj malgraŭ tio ili devas morti. Sed mi vibras pro ĝojo kaj ne hontas. Stranga estas tio —

Eble nur pro tio ekestas milito ĉiam denove kaj denove, ke iu neniam kapablas tute elsenti tion, kion suferas alia.

## La homo kaj la maro

De Charles Baudelaire.

*Libera homo, estos al vi eterne ĥara*
*La mar'! Animon vian ja ĥvazaŭ en spegulo*
*Admiras vi en ĝia senfina ondo-rulo,*
*Via spirit' ne estas profund' malpli amara.*

*En via spegulbildo vi mergas vin ĥun ĝuo,*
*Ĉin ĉirĥaŭbraĥas braĥe, oĥule; ĥoro via*
*Sin savas ĥelĥafoge de l' propra voĉo ĥria*
*Per tiu nebrideble sovaĝa plendo-bruo.*

*Vi ambaŭ estas same mallumaj ĥaj ĥaŝemaj.*
*Hom'! Kiu sondis fundon de la abism' anima?*
*Mar'! Kiu povas scii pri via riĉ' intima?*
*Tiel ĵaluze gardas vi pri l' seĥretoj memaj.*

*Kaj tamen dum centjaroj sennombraj, vi per batoj*
*Kruelaj interluĥtas ĥun senĥompata forto,*
*Tiel amataj estas de vi la murd' ĥaj morto,*
*Eternaj batalantoj, vi senindulgaj fratoj!*

## Babilo

De Charles Baudelaire.

*Aŭtun-ĉiel' vi estas, helroza ĥaj serena,*
*Min maro de malĝojo inundas en anim',*
*Kaj lasas, refluinte, sur mia lipo splena*
*La mordan rememoron de la amara ŝlim'.*

*La mano vane glitas tra mia svena sino,*
*Ŝiritan vundon trovos vi tie, amiĥin',*
*Ĉin ŝiris ungoj, dentoj sovaĝaj de l' virino,*
*Ne serĉu mian ĥoron, la bestoj manĝis ĝin.*

*La bruston, ĉi palacon, infeĥtis hordo ĥruda,*
*Oni orgias, murdas, ĥverelas tie ĉi,*
*Parfumo ĉirĥaŭnaĝas ĉe via gorĝo nuda.*

*Ho Belo! Dura vipo de l' ĥoroj! Volas vi.*
*Per viaj fajr-oĥuloj, brilantaj, ĥvazaŭ festoj,*
*Cindrigu la ŝiraĵojn, lasitajn de la bestoj!*

El la franca: K. Kalocsay.

## Plej bone

De GOETHE.

*Se ĥapo vin ĥaj ĥoro pelas,*
*Plej bone estas por la hom'*
*Se neĥ vi amas, neĥ malcelas,*
*Vi taŭgas nur por morta dom'.*

*Mano nur man' sin lavas;*
*Anĥaŭ donu, se vi prenas.*

Trad. Franz DÖRING.

# Socia Vivo

## Aero, suno kaj akvo

Urba vivado lacigas homojn kaj ilin malsanigas. Troa bruado, troa mallumo, troa urĝado malfortigas nervojn kaj animo suferas pro premado de la korpo.

La moderna junularo ne intencas lasi mortigi sin. Ĝi reagas, ĝi emas al liberigo de korpo kaj animo. Tial la granda sukceso de sporto. Tial la ekskursado, kun sako sur dorso kaj bastono en mano.

Antaŭ iom da tempo iu pastro plendis en Anglujo, ke la gejunuloj nun foriras tutan dimanĉon kune, ofte nur duope. Kaj anglaj knabinoj, por pilgrimi, nun vestas sin per mallonga pantaloneto sporta. Kial ne? Alia religiulo feliĉe defendis ilin kaj montris la plibonecon de tiu saniga ekzercado kaj interkonatiĝado. Ĝi ja estas centfoje pli morala ol dancado kaj koketado en mondanaj baloj. Pripensu tion.

Kuna kontakto kun naturo, aero, suno, pejzaĝo, marŝado, jen bonegaj aferoj. Ankaŭ interparolo pri fundamentaj temoj anstataŭ bagatelaj komplimentaĵoj.

Reago kontraŭ danĝeroj de urba vivado ankaŭ esprimiĝas per ŝanĝo de la nutra kutimo. Antaŭ la mondo-milito manĝo de viando ŝajnis esti dogmo kaj idealo. Hodiaŭ la junularo serĉas pli sanigan manĝaĵon, interesiĝas pri grenoj, fruktoj, verdaĵoj. Ankoraŭ malmulto estas absolute vegetarana, sed la amaso forlasas viandon ĉiujare pli kaj pli. Vidu la statistikojn de buĉado. En novaj hejmoj la viando malaperas de vespermanĝoj.

Simile kreskas la ŝato al sunbanado kaj naĝado. Ĉie stariĝas novaj banejoj. Dimanĉe dum somero la popolo migras al maro, lagoj aŭ riveroj kaj pasigas la tagon inter akvo kaj suno. Plezure oni forlasas la pezajn urbajn vestojn.

Inter la riĉuloj la mondana modo postkuras eĉ al tiuj rifuĝejoj naturemaj. En luksaj banejoj oni vidas tiujn malspritajn pantalonegojn kaj silkajn piĵama-kostumojn « por la marbordo ». La mondana koketado batalas kun la natura suno. Tio feliĉe ne okazas ĉe popolaj banejoj de la junularo, kie regas jam tro da sportemo kaj ŝato al suno.

Kontraŭ tiuj malsaĝaj modoj ankaŭ defendas sin tiuj nacioj jam de longe kutimiĝintaj je banado, ĉar ili posedas multajn lagojn aŭ marbordojn, ekzemple Japanoj, Finnoj, Skandinavoj.

En ties landoj oni scias jam de longe la plezuron kaj utilecon profiti la naturan akvon kaj sunon por purigi kaj sanigi la korpon kaj animon. Tie, for de la mondanaj lokoj, la homoj libere banas sen iuj vestoj kaj sentas neniun ĝenon pri tio.

Male, ili sentas honton pri tiuj, kiuj kaŝas sin aŭ koketadas per bànkostumoj. En Finlando la familioj ja kutimas je kunaj vaporbanoj dum tuta jaro.

En tiuj skandinavaj landoj, kie la gejunuloj ne hontas pri sia korpo, sed ŝatas purecon entutan, oni respektas virinojn multe pli ol en ceteraj landoj. Tie ili voĉdonas jam de longe kaj ludas rolon en la nacia publika vivado. Tie prostitucio kaj pornografio mankas sur stratoj aŭ afiŝoj. La sankteco de la hejmo profitas el la natureco kaj libereco de la honestaj moroj.

Ceteraj popoloj admiras tiun superan gradon de civilizo, kiam ili per vojaĝado kaj observado rimarkas ĝin. En Germanujo kaj Francujo lastatempe disvastiĝis granda movado por faciligi liberan ekzercadon kaj banadon sen kostumoj kun celo de pureco, saneco kaj respekto inter seksoj.

Popolaj asocioj formiĝis. Ili aĉetis aŭ luis fermitajn parkojn aŭ insulojn kaj tien venas familioj por pasigi la dimanĉojn aŭ sabatojn posttagmeze je sporto, gimnastiko, banado je suno kaj akvo. Tagmeze sub arboj la patrinoj manĝigas siajn infanojn ĉirkaŭ ligna fajro, same kiel afrikaninoj. Multa ĝojo regas. Samtempe la infanoj estas edukataj en plena liberigo el tiuj sekretaj scivolemoj, kiuj venenas tiom da vivoj kaj endanĝerigas ilian estontecon.

Kompreneble la publiko de nekutimantaj nacioj iom ridis komence. Tiuj viroj, kiuj ne kapablas rigardi virinon en tramvojo sen penso malpura, ridis en gazetartikoloj aŭ mokis per la plej pezaj ŝercoj. Sed iom post iom la komprenemo venkis kune kun la respekto al idealismo higiena kaj morala.

Neniu proponas iri senveste al oficejo aŭ en vagonaron, sed ankaŭ neniu povas malpermesi al puraj homoj imiti la plej purajn popolojn por siaj sunbanoj kaj gimnastikado en fermitaj teritorioj. Tie la viroj lernas respekti virinojn eĉ per penso. La impreso de vizitantoj al tiuj naturistaj kampoj estas tre favora.

Precipe impresis ilin la frata kaj ĝentila atmosfero, la familioj kun infanoj kaj la nobla nivelo de interparoloj. Kiu, en ordinara vivo, permesus al si maltaŭgan penson vidante patrinon nutranta suĉinfanon ĉe mamo? Simila homa respekto regas tie laŭ atesto de pastro Huchet, la fama pacifisto franca.

Cetere la formoj de naturismo varias kaj ne ĉiuj asocioj akceptas la plenan senvestecon. Opinioj ankoraŭ diversas pri tio pro la ekzistantaj antaŭjuĝoj en kelkaj landoj.

Plej gravas la ĝenerala emo al aero, suno kaj akvo, la simpligo de vestado kaj zorgo por pli higiena vivado kaj nutrado. La ĝojiga tendenco en ĝi estas la kompreno pri la rilato inter saneco de l' korpo kaj saneco de l' animo. *Mens sana in corpore sano* estas la devizo de la bela Dresdena ekspozicio pri higieno.

Ĝi estas utila devizo, ĉar ĝi montras komprenon pri la vero. La faktoj estas tiaj. Tro longe la homo dividis kaj apartigis aferojn, dependantajn unu de l'alia en proporcio, kiun ĉiuj kuracistoj konstatas ĉe siaj flegatoj.

En tiuj movadoj al sana vivado aŭ saniga dimanĉa ripozo montriĝas ankaŭ emo al la vero morala. Oni rajtas diskuti tiun aŭ alian punkton, kiu povas eble ŝajni tro fanatika, sed ĉe la fundo kuŝas la gusto de la moderna junularo por la vero, t.e. por rigardo de faktoj brava, senkaŝa, senkomplimenta kaj por trovo de la belo en la naturo anstataŭ en incitaj artefaritaĵoj. Tial ĝin atakas la plej pornografiaj kaj malmoralaj literaturistoj ĉar ili timas perdi klientojn por siaj kaf-koncertaj teatraĵoj.

La modernaj gejunuloj perdas iluziojn. Ne bedaŭru. Kiom da familioj detruiĝis ĉar ili kreiĝis el iluzio. Plej saĝe vidi la homojn tiaj, kiaj ili estas kaj ilin ami kiel homojn anstataŭ adori kiel anĝelojn hodiaŭ kaj bruligi kiel diablojn morgaŭ.

La nuna generacio faras siajn spertojn kaj eble trovos pli certan vojon al feliĉo ol la antaŭa, se ĝi kreskigas internan sanecon kaj homan kompaton. Ekster iluzioj ĝi trovas en la naturo kaj en la veraĵoj ankaŭ ĉarmon, alispecan ol tiu de niaj gepatroj, sed ne malpli valoran.

La junularo mem edukita en naturistaj ekskursoj aŭ somerkampoj entenas iujn el la plej noblaj kaj vere homaj tipoj renkonteblaj. Amikoj de l' naturo, de bestoj, de kreskaĵoj kaj homaj fratoj, ili abomenas militon, mensongon, perforton kaj ruzon. Ili pretigas al si fortajn korpojn, ne por bati, sed por ame labori.

P. B.

## REDAKCIA NOTO

Ni atentigas, ke oni rajtas traduki en nacian lingvojn, ĉiujn artikolojn en ESPERANTO, citante la fonton. Tradukonto de la artikolo "*Per nova akustiko al nova muziko*" sendu ekzempleron de la gazeto kun la artikolo al la inventisto :

**Jörg MAGER, Prinz Emil Garten, DARMSTADT (German.)**

# Tra la Mondo Esperantista

## Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado

ŜANĜO DE ADRESO

Dum la kongreso de Helsinki en 1922 la Naciaj Societoj kaj UEA interkonsentis pri komuna elektado de Internacia Centra Komitato, konsistanta el ses anoj, kiu zorgas pri la ĝeneralaj interesoj de la movado kaj okazigas la universalajn kongresojn. Pliposte ICK kreis propan sekretariejon sub la kompetenta direktado de S-ro Robert Kreuz, sekretariejo kiu ĝis nun okupis unu ĉambron en la loĝejo de UEA.

Pro diversaj kaŭzoj montriĝis preferinde, ke la ICK havu apartan oficejon kun propra adreso; sekve de la 1.a. de Julio de tiu ĉi jaro la ICK estas instalita :

11, RUE DU MONT-BLANC, GENEVE

Ni petas niajn legantojn ke por korespondaĵoj al la ICK aŭ al S-ro Direktoro Rob. Kreuz ili uzu tiun adreson.

Okaze de tiu ŝanĝo, la prezidanto de UEA ricevis de la prezidanto de ICK la jenan ĝentilan leteron:

Sheffield, la 1-an de Julio 1931.

S-ro Ed. Stettler,
BERN.

*Mia kara prezidanto kaj amiko,*

*Mi ĵus sciiĝis de S-ro Kreuz ke la ICK jam transloĝiĝis al sia nova adreso kaj mi tial kaptas la nunan momenton por esprimi al vi kaj al via komitato, la tutkoran dankon de ICK por la multnombraj ĝentilecoj kaj la granda helpado kiujn ICK ricevis je viaj manoj en la daŭro de la lastaj kvar jaroj.*

*Estas bedaŭrinde ke la disigo kiu ĵus okazis estis la resultato de malfeliĉaj cirkonstancoj, sed eĉ en tiu momento nia direktoro, S-ro Kreuz, rememorigas al mi, ke li ne povas forgesi la multajn feliĉajn rilatojn kiujn li havis en via oficejo kaj estas je lia propra sugestio ke mi skribas hodiaŭ por montri al vi, ke ICK vere sincere rekonas la helpon kiun ĝi ricevis.*

*Nia movado estas en granda bezono de la plej grandaj helpoj kiujn ni povas fari por ĝi kaj tial mi esperas ke la ĵus faritaj ŝanĝoj, anstataŭ malfortigi la movadon, eventuale rezultatos en pli bonaj kondiĉoj por UEA egale kun tiuj por ICK. Kun la plej koraj salutoj sincere kaj samideane la via.*

(Sig.) J. MERCHANT.

*Prezidanto de ICK.*



Al la Ĉefdelegitoj kaj Delegitoj de UEA.

Estimataj Kunlaborantoj,

La pasintan monaton nia Direktoro okazigis la laŭstatutan elekton de la Komitato. Plie ni proponis al vi du ŝanĝojn de la statuto, el kiuj unu estas grava por la rilatoj de UEA kun la naciaj kaj fakaj societoj. Estas honora devo de la Delegitoj partopreni la voĉdonojn. Malgraŭ tio nur 867 el 2.454 Delegitoj sendis sian respondon. Ĉar la voĉdonado nur valoras, se partoprenis pli ol la duono de la voĉrajtigitoj, la procedo devas esti plilongigata.

Samideanoj !

Facile oni konkludus el via sinteno ke vi malinteresiĝas je la sorto de via asocio, sed feliĉe via varbado kaj servado pruvas la malon. Restas do nur la supozo ke vi havas tian senliman konfidon en vian komitaton, ke vi konsideras novelekton kiel superfluan formalaĵon. Permesu al mi, atentigi vin, ke la komitatanoj kiuj silente portas la zorgoplenan respondecon por tiom granda societo, meritas ke almenaŭ ĉiun trian jaron *vi* pensu je ili.

UEA, la modelo de bona organizaĵo, bezonas komitaton forte apogitan de siaj elektantoj. Ĉar ne povas esti via volo, esti gvidata estonte de provizora registaro, mi petas vin traserĉi viajn tirkestojn, plenigi la voĉdonilojn kaj ilin sendi plej rapide al la oficejo.

Kun samideanoj salutoj.

Ed. STETTLER, *Honora Prezidanto.*

## Postkongresa vojaĝo tra la bohemiaj balokoj

Multaj partoprenintoj de la XIII-a Universala Kongreso bone memoras la postkongresan vojaĝon tra la famaj banlokoj Karlsbad kaj Marienbad.

Jam de la kelka tempo tiuj urboj intencis ree inviti la internacian popolon de Universala Esperanto Kongreso, sed la cirkonstancoj ne estis oportunaj.

Ĉi-jare la grupo « Verda Stelo » en Karlsbad akceptis la proponon de Germana Esperanto-Ligo kaj de la urbestraroj kaj mi komisiiĝis aranĝis la vojaĝon.

Estas necese, ke la vojaĝo ne postulu plian monoferon — kaj plue estas necese, ke la nacio gastiganta la kongreson ne ofendiĝu, se parto de la kongresanoj forveturas por viziti alian landon.

La unua kondiĉo plenumiĝas, ĉar parto de la kongresanoj veturas de Kraków okcidenten, do rabatita fervojbileto ŝparas tiom da mono, ke la hejma restado ankaŭ ne povus esti pli malmultekkosta. La 8 tagoj kostas entute kč. 850.— (25 usonajn dolarojn) enkalkulite fervojbileton, noktigojn, manĝaĵojn, trinkmonojn, k.t.p. Se oni veturas sen nia aranĝo, oni pagas pli multe kaj ne vidos tiam da vidindaĵoj. Oni ankaŭ povas aliĝi por parto de la vojaĝo kio malaltigas la elspezon.

La dua kondiĉo ankaŭ respondiĝas. La partoprenontoj de nia vojaĝo ja ne veturas Varsovion aŭ alien en Polujo, sed profitus bonan eblecon hejmenveturi. Al tiuj gesamideanoj mi estos gvidonto.

La entrepreno ne estas privata spekulacio kaj ne estas profitdona. Vi demandas kiel mi arangis ĉion? Per subvencioj mi povis pagi ĉiujn preparojn komencajn. Insistante pri la propaganda karaktero mi ricevis neatenditajn rabatojn. La ĉambroj estas komfortaj kaj respondas je ĉiuj pretendoj. La manĝaĵojn oni ricevos en unuarangaj hoteloj, riĉe kaj bonege kuirite.

Detala programo postulus tro multe da loko. Krome mi parolos en Kraków pri la vojaĝo. Se vin interesas detaloj, bonvolu ilin demandi esperentlingve ĉe la koncerna kurac-administracio (Kurverwaltung von Marienbad, Franzensbad, Karlsbad, Teplitz-Schönaŭ) aŭ ĉe la foiro de Reichenberg.

La partopreno estas rekomendinda. La vizito de mondbanlokoj dum la kurac-sezono kostus multe pli se vi ne partoprenus la vojaĝon.

Prof. Ing. Josef SCHNEIDER.
Karlsbad, « G E A ».

# Mondvojaĝo de l'speciala Delegito de ICK

S-ro Jos. R. Scherer

Nia legantaro jam estas informita pri la detaloj de la vojaĝo de s-ro. Scherer ĉirkaŭ la mondo. Ni ĉi tie donas ankoraŭ resumon pri la lasttempa laboro.

Post forlaso de Hindujo en Marto s-ro. Scherer atingis *Egipton*. Tie li paroladis en resp. vizitis la urbojn Port Said, Assiut, Fayum (Oazo), El Kahira (Cairo), Aleksandria, ktp.

De Egipto li iris al *Palestino kaj Sirio*, ĉie ĝuante vere amikan akcepton kaj helpemon de izolaj samideanoj aŭ delegitoj de UEA.

En *Turkujo* okazis kelktaga halto nur en Istanbul kun kelkaj paroladoj i.a. de la radio-stacio de ĉi tiu urbo. Per tio unuan fojon Esperante estas publike disaŭdigata en tiu lardo.



S-ro. Liem Tjong Hie, del. UEA, en Semarang, Javo, montras al s-ro. Scherer la ŝtofojn, kiujn ŝatas javaj sinjorinoj.

Plurtaga halto en Ateno ebligis paroladojn en la ĉefurbo de *Greklando*, kiun s-ro. Scherer pro la eksterordinare afabla akcepto forlasis kun speciala bedaŭro pro neebleco de pli longa restado.

Pro nefavora interkomunikiĝo *Sicilio* kaj *Malto* ne povis esti vizitataj.

En *Italujo* s-ro. Scherer haltis aŭ paroladis en Napoli, Romo, Firenze kaj Venezia. Li ankaŭ vizitis la respublikon *S. Marino*. Post vizito de Milano s-ro. Scherer rekte atingis *Svislandon*.

Nun s-ro. Scherer kvazaŭ malaperis en malhelo, nome en malluma ĉambro por riveli centojn da fotobildoj, faritaj dum la lasta vojaĝa parto. En la belega urbeto Bellinzona en Ticino (itallingva Svislando) li ripozas iomete kaj samtempe preparas la eŭropan parton de sia mondvojaĝo. Laŭ ĉiuj preparoj ĝi certe fariĝos unika sukceso. Komence de Julio la ICK. publikigas la definitivan programon por Eŭropo, se ĉiuj societoj bonorde sendis la invitojn ĝis la indikita limdato.

La gazetara kritiko pri la lastaj paroladoj estas bonega. Tiuj urboj, kiuj sendis inviton por s-ro. Scherer povas esti certaj pri volara helpo al sia laboro.



S-ro. Scherer kun la Del. de UEA en la Oazo Fayum (Egipto) s-ro. Tadros Migalli.



## Interesa Sperto de Esperanto-Instruo

La direktoro de Politeknika Altlernejo en LOS ANGELES konigis al D-ro Charles R. WITT, vicdelegito de UEA en tiu urbo, ke estas la kvina duonjaro dum kiu oni instruas Esperanton en la citita lernejo.

La kursojn gvidas kapabla profesoro diplomita de la ŝtato Kalifornio. Ili okazas trifoje ĉiun semajnon kaj ĉiufoje daŭras du horojn. Tuj de la komenco, la lernantoj korespondas kun alilandaj Esperantistoj kaj ĉe la fino de la duonjaro ili amikiĝas kun personoj, kies spirito estas internacia.

Kvin « credits » por la Atesto pri mezagrada lernado, oni atribuas al la lernantoj, kiuj akurate sekvis la kursojn kaj sukcese trapasis la finajn ekzamenojn[1].

Doninte tiujn sciigojn, la direktoro, « principal » Ralph W. DETTER, aldonas : « Laŭ mia propra opinio, la esperanto-instruo multe helpos la plivastigon de bona spirito civitana kaj la multobligon de la rilatoj inter homoj rase kaj nacie diferencaj. Kun miaj bondeziroj por la sukceso de la movado ».

(Internacia Gazetara Komisiono)

[1] Unu « credit » , en la usona ekzamen-sistemi, egalvaloras unu deksesonon de la poent-sumo, kiun la ekzamenito devas haviĝi por sukcesi. La « Atesto pri mezagrada lernado » rajtigas la posedanton fariĝi universitata studento.

# Esperantistaj problemoj

## VIII

### UEA kaj Naciaj Asocioj

UEA fondiĝis pro duobla bezono : kunigi internacie la personojn lernintaj la lingvon, starigi per iliaj kotizoj kaj kunlaboro daŭran kontakton, internacian kaj praktikan uzadon de la lingvo. Ekzistis tiam en 1908 aro da landaj societoj kun la esprimita celo « *reprezenti la movadon enlande kaj propagandi la enkondukon de la lingvo* ». UEA evoluiĝis sinsekve, starigis servojn sed ĉefe kuntenis en firma fasko avangardon de l'Esperantismo : La Delegitojn kaj la membraron, kiuj jen servante jen pagante, permesis ke Esperanto havu centran organizon, sendependan de ekstera influo. Historio kaj tradicio pruvas, ke la provita vojo estis ĝusta kaj estos tiel por longa tempo ankoraŭ. La Nacia Societo evoluiĝis en alia senco : Al reprezentado kaj propagando venis la instruado kaj la taskoj ligataj al ĝi. Ekzamenoj, preparo de esp. instruistoj (kursgvidantoj).

Jen en kelkaj linioj la esenco kaj celo de nacia kaj internacia agado. Laŭ la monrimedoj iuj naciaj societoj starigis servojn tute konformajn al propra agado : Jara kunveno, eldono, k.a. Sufiĉe da taskoj kaj neniam sufiĉe da mono por plenumi ĉion konstante, regule kaj efike.

Ŝajnas el tio, ke ambaŭ formoj de organiziĝo povas kaj devas harmonie labori : ĉiu laŭ specialeco kaj difino. Sed jam en la unua epoko de UEA aŭdiĝis plendoj, ke UEA, « *rabas la homojn varbitajn de l'nacia societo* ». Unuvorte ke UEA rikoltas, ne seminte. Tiuj plendoj vere nur venis de certaj societoj, ne oficiale, tamen en tia formo, ke la tiama estraro devis pri ĝi okupiĝi. Rimarkinde estas, ke precize samaj plendintoj regule akcentis la gravecon kaj nepran bezonon de UEA. Pri la pretendita homrabado valoras rimarko : Facile estas starigi kurson kun nombro da lernontoj : Majstroverko konservi 2/3-on de l'kursanoj ĝis la fino, kaj vera arto estas konservi el tiuj kvinonon por la organizo. Kiu eltrovos efikan rimedon, radikale ŝanĝi tiun staton, meritas la titolon « savinto de l'patrolando ». La kaŭzoj de tiu ĉi misproporcio inter klopodo kaj efiko estas variaj. En alia artikolo ni revenas al tio.

Post la milito silentiĝis la plendo supre citita. La pozicio de UEA, pro la nekontestebla efiko de ĝiaj servado kaj klopodado dum-kaj postmilita tempo ŝanĝis. Interkonsento kun la Naciaj Societoj kondukis al organiza formo, kreante interligon kun UEA. Estas la kontrakto de Helsinki, kiu starigis ligilon nome la ICK (Internacia Centra Komitato).

La idealan solvon, krei unu organizaĵon, malebligis nesufiĉeco de riceveblaj rimedoj kaj la nesameco de l'organiza strukturo de la Naciaj Societoj. La formo de libera interkonsento, renovigebla kaj ŝanĝebla, respondas nete al la donita situacio, ankoraŭ ne ŝanĝinta depost 1922.

Post kuraĝiga restariĝo de la movado de 1919-1925 venis certa halto, kaŭzita de preskaŭ nur eksteraj cirkonstancoj kaj al la nekontestebla spirita revolucio, precipe en landoj militintaj. La ciferoj de la Esp. Societoj tion klare pruvas : **ekzemploj)** :

| | Nacia Societo : kalkulis anojn : | | UEA : kalkulis anojn | |
|---|---|---|---|---|
| Lando : | 1925 | 1930 | 1925 | 1930 |
| Bulgarujo | 920 | 500 | 210 | 191 |
| Ĉeĥoslov. | 1700 | 1200 | 1147 | 1337 |
| Finlando | 220 | 70 | 139 | 104 |
| Germanujo | 3046 | 2191 | 1889 | 1406 |
| Hungarujo | 550 | 250 | 250 | 120 |
| Italujo | 1825 | 1200 | 338 | 265 |

Tiu ĉi malprogreso ne okazis en ĉiuj landoj. En iuj, Nederlando, Svedujo kaj Estonio kontraŭe, ni notas esperplenan progreson, dank' al la kursoj de pastro Andreo Ĉe. La bildo ne estus preta, ne menciante la laboristajn societojn, kiuj apartiĝis de la ĝenerala movado. Interesa estas jena komparo :

| Lando : | Nacia Societo : | | Laborista Societo : | |
|---|---|---|---|---|
| | 1925 | 1930 | 1925 | 1930 |
| Finlando | 220 | 70 | — | 200 |
| Germanujo | 3046 | 2191 | 3500 | 4000 |
| Hungarujo | 550 | 250 | 800 | 1720 |
| Meza stato | 1858 | 837 | 1433 | 1973 |

Malprogreso : 44-45 % Progreso : 34-35 %

Ne forgesinte ankaŭ estas katolikaj societoj esperantistaj, kiuj formiĝis en kelkaj landoj. Ili ankaŭ kaŭzis ioman formigron de anoj el la tiel nomata « neŭtrala » kampo. Konstato sen riproĉo ! Tiu ĉi videbla malprogreso rezultis la serĉon de l'kulpulo. Kaj denove UEA devus esti la nigra besto, la hom-rabanto. Simpla komparo de l'ciferoj pruvas la senfundecon de ebla aserto tia. Tamen ĝi aŭdiĝis. Unu nacia societo sendis al ni liston de Delegitoj de UEA kiuj ne estas samtempe anoj de la koncerna societo nacia. Por koni la kaŭzon de tiu « flankenstaro » ni entreprenis enketon, kiu en sia tuto estas interesega dokumento. Ni paroligu ciferojn :

UEA havis 360 D kaj VD en tiu ĉi lando. El ili 130 ne estis anoj de la enlanda societo (36 ĝis 37 %).

El la 130 ne respondis nian enketon 42. Restas 88 kiuj respondis. Kaj nun venas la interesa detalo : Se tiuj 88 havus saman kaŭzon de nealiĝo al la nacia societo, tiam la solvo de la problemo estus ja simpla. Fakte la rezultato montris la jenon :

| | |
|---|---|
| 1) Ne estis anoj pro disiĝo de la loka grupo | 16 |
| 2) Apartenas al Laborista Grupo kaj ne volas esti anoj de « Nacia Societo » | 5 |
| 3) Ne montris specialan kaŭzon de ne-aliĝo | 6 |
| 4) Ne povas esti anoj pro manko de mono | 15 |
| 5) Opinias jam esti anoj pere de sub-ligo | 6 |
| 6) Plendas pri troeco de Esp. organizaĵoj | 7 |
| 7) Kontraŭis nacian organizon aŭ kritikis la organizon pro detaloj nekonvenaj | 24 |
| 8) Aliĝis al la nacia societo sekve de nia enketo | 9 |
| | 88 |

El tio vidiĝas la manko de unusenca respondo, kiu klare montras la situacion. Kaj ĝuste tiu — ĉi « ne-unusenceco » malfaciligas ŝanĝi staton, certe ne deziritan. Fakto grava estas la manko de intereso ĉe multaj pri organizo. Tien-ĉi oni povus meti la 42, kiuj ne respondis al la enketo. Ili certe kontentiĝas kun la nuna situacio kaj ne deziras alie. Alia kaŭzo estas la monmanko. Kaj precize pri tio UEA mem rajtus plendi. En kelkaj landoj ĝi perdis anojn ĝuste pro manko de mono de l'anoj. Tamen la kaŭzoj de malprogreso ĉe certaj societoj naciaj estas pli profundaj. En estonta artikolo ni revenas je tiu ĉi problemo, kies solvon eble alportos la tempo. UEA deziras harmonian kunlaboron kun la naciaj societoj kaj volonte ekzamenos proponojn. Sed ĝi energie rifutas supozon de intenca malhelpado. Kontraŭe : Kie nacia societo bone fartas, UEA proporcie fartas bone. Konstato facile pruvebla per ciferoj.

H. J.

# Internacia Postkongreso Esperantista

Bialystok : 12-13. Aŭg. 1931.

Adreso : Bialystok (Polujo) Poŝtkesto 120.

Ni havas la honoron komuniki al la esperantistaro, ke post la 23-a Universala Kongreso en Krakôvo kaj la Postkongreso en Varsovio, nome je la 12-13 de Aŭgusto okazos en *Bialystok — La Naskurbo de nia Majstro*, sub la alta protekto de la Bialystoka Vojevodo kaj auspicioj de la I.C.K. de la Esperanto-Movado.

II. *Internacia Postkongreso Eesperantista*, kaj

*Solena ceremonio de Zamenhof-Monumento* starigota al nia Majstro en lia naskurbo.

Ni plej kore invitas la esperantistaron partopreni en la Postkongreso kaj la Monument-Soleno honorigante la memoran de nia neforgesebla Majstro.

Ĉiuj gesamideanoj, kaj aparte la landaj reprezentantoj (el Polujo ankaŭ reprezentantoj de urboj) venontaj al nia Postkongreso, *estas insiste petataj kunporti el sia hejmo pli aŭ malpli grandan pecon de briko au ŝtono*. Tiuj metitaj dum la Monument-Soleno estu la bazo de la fundamento, sur kiu ĝi staros kaj simbolu ke estas konstruata el la brikoj de la tuta mondo, de la tuta esperantistaro. La Monumento mem, konstruata laŭ la distingita projekto de fame-konata varsovia skulptisto A. Ostrzega prezentas kolosan konstruajon (dimensioj 7x4 metroj, alteco ĉirkaŭ 12 metroj) — la restarigitan Babelan Turon, — kiu certe estas la plej trafa simboligo de la triumfo de l' ideo de nia Majstro.

Samtempe ni anoncas la kolekton de monoferoj por la Monumentokonstruo. farata sub la kontrolo de I.C.K. Sur alia loko ni donas la necesajn informojn. Ni petas plej rapide kaj senavare monoferi. *Car la afero urgas, ne prokrastu kaj faru tion tuj*. Esperantistaj grupoj, landaj organizajoj kaj apartaj samideanoj, dezirantaj helpi al la monkolektado turnu sin al ni por ricevi la necesajn informojn.

Pri la Postkongreso vidu poste la praktikajn informojn. Ni atentigas nur, ke dank'al la proksimeco (nur 3 hora vojaĝo de Varsovio), malaltaj kostoj de vojaĝo kaj restado kaj interesa programo neniu domaĝos la viziton de Zamenhof-naskurbo, kie li trovos abundan esperantistaron, Zamenhof-naskodomon, esperantan teatran revuoprezentadon, ekskurson al unikaj arbaroj kaj lagoj kaj fine — la plej grava partoprenos en la *Granda Ceremonio, Eterniganta la Memoron de nia Majstro*.

# Provizora Programo : 12-a Augusto

12.40. Akcepto de la karavano en la stacidomo.
13.30. Monumenta soleno. Paroladoj de reprezentantoj.
15.oo. Komuna tagmanĝo.
16.oo. Vizitado de Zamenhof-domo kaj de la urbo.
18.oo. Postkongresa Kunsido.
20.oo Prezentado de la Esperanta Revuo-Teatro « La Verda Muelejo »
20.30. Komuna vespermanĝo. 23.30. Internacia kostum-balo.

# Informoj

*Kolizo*. Sv. Fr. 5 Zl. — p. 8.00., entenanta ĉiujn aranĝojn krom la ekskursoj, manĝoj kaj hotelo. Aliĝilojn petu de ni.

*Pagmaniero*. Per pôstmandatoj, poŝtĉekoj (Poŝtĉekkonto : Zamenhofa Esperanta Societo en Bialystok Nro 64. 621). prefere per monbiletoj en registrita letero. Aliĝojn kaj pagojn akceptos ankau niaj reprezentantoj dum la Kongreso en Krakovo kaj Postkongreso. en Varsovio, kiuj ankaŭ informos detale.

*Monoferoj por la Monumento* : Specialaj monoferdeklaroj kaj brikoj riceveblaj, ĉe ni senpere, ĉe la Kongresa Komitato, U.E.A., kaj ĉe niaj landaj reprezentantoj en la tuta mondo.

# NACIAJ KONGRESOJ

en Breslau 31 Julio

### Antaŭ-Kongresa-Kunveno

Urbestraro de Breslaŭ bonvenigos travojaĝantajn kongresanojn la 31 an de Julio en la belega salono de urbdeputitoj. Breslaŭaj grupoj urĝe petas trapasi nian urbon irante al Krakovo. Tio ne estas ĉirkaŭvojo por vi, sed ni bezonas vian ĉeeston por kelkaj horoj por montri al skeptika loĝantaro, ke Esperanto vivas. Krom tio vi povas ĝui la belecon de antikva kaj samtempe moderna grandurbo.

Anoncu vin baldaŭ ĉe al delegito ; Siegmund Freund, Breslaŭ l, Blücherplatz 9.

### Finnlanda

La 24-a jarkunveno de la Esperanto-Asocio de Finnlando okazis en la ejo de Socia Altlernejo, Helsinki, la 5-an de aprilo 1931. Oni elektis magistron Vilho Setälä kiel prezidanton de la kunveno. Kiel prezidanton de la Asocio oni re-elektis staciestron Hugo Salokannel (Salminen), kiel vicprezidanton instr. Ilmari Rautio (Suomenlinna), sekretarion magistr-edzinon Aini Setälä (Mechelinik. 24, Helsinki, kasiston f-inon Helmi Koivuniemi (Temppelikatu 17, Helsinki). Ĉar la gazeteto « Esperanto-Uutiset » jam multajn jarojn neregule aperadis, kiel granda malutilo po E. movado en Finnlando, depende de pluraj malfacilajoj, Esperanto-Instituto de Finnlando promesis novaranĝon de la afero. La mondvojaĝanton sron Scherer oni decidis akcepti kun plezuro sed bedaŭris nur la mallongan tempon rezervitan por nia lando. Por la propagando oni starigis specialan fondon, je kiu la ĉeestantoj notis jam beletan sumon. Veterano de la E. movado en nia lando,afergvidanto K. J. T. Kuntsi donacis, krom tio, 2000 mk.

Samvespere je la 7.30 okazis agrableta soleneto en la sama ejo. Unue kantis blinda kantisto Karl Aberg el Porvoo, deklamis instr. Ida Siaranen, salutparolis f-ino Tyyne Leivo kaj kantis s-ino Aini Setälä. Magistro Vilho Setälä parolis pri la mondvojaĝo de finna esperantista familio en lagaro Saimaa per motorboato. Fine sro Salokannel legis la alvenintajn salutojn-telegramon de sro Nylén el Svedujo kaj salutojn el Danujo, Belgujo kaj Latvujo. Li ankaŭ dankis helsinkianojn pro la amuza festeto.

La kunveno doninte novan esperon pri reviviĝo de E. en Finnlando estis finata per kantado de E.himno.

Kiel neŭtrala centra societo por la tutlanda E. movado funkcios post la nuna jarkunveno la garantia societo de la « Esperanto-Instituto » de Finnlando, al kiu societo apartenas anoj de diversaj landaj E. asocioj.

### Franca kongreso en Dijon

23-25 Majo.

Partoprenis 150 kongresanoj. Okazis du laborkunvenoj dum kiuj 25 objektoj estis traktitaj. Inter ili la kutima elmontro de la situacio nuna de la movado, donita de S-ro Couteaux, financoj, Maison de l'Espéranto, internacia organizo (Generalo Bastien) turismo kaj fine la universala kongreso en Parizo okazonta en 1932, dum kiu okazos ankaŭ la Franca kongreso. La elektoj al la administra konsilantaro rezultigis por S-ro Archdeacon 1674, Por S-ro Belhoste 1586 por S-ro Férez 1464 kaj por S-ro Pouchot 1399 voĉoj, ĉe 1674 voĉdonantoj kaj absoluta plimulto de 838. Ce la ferma bankedo prezidis S-ro Gaston Gérard, ŝtatsekretario por turismo. membro de la franca registaro. Inter fremdaj gastoj troviĝis S-ro Rob. Kreuz, Direktoro de la I.C.K.

La kongreso finis kun danko al la organizintoj S-ro Ferrain kaj S-ino Tournamille.

(Laŭ Movado, Junio)

### Hungara en Budapest

Okazis dudekjara ĝenerala kunveno de Hungarlanda Esperanto Societo. Prezidanto fariĝis prof. Jozefo de *Mihalik*, estinta prez. de Univ. Kongr. 21-a. Vicprez. : dro. I. *Lorànd* kaj P. *Tolnai*, ĉefsekr. : Otto *Reiner*. 22 societoj estis reprezentitaj, inter ili la Landa Instruada Konsilantaro kaj Ligo de Gepatroj. En nomo de UEA salutis ĉefdel. I. *Balkànyi*. Per granda aplaŭdo oni aklamis, ke dro. K. de *Kàlocsay* kaj dro. Jozefo *Takàcs* estis nomataj honoraj membroj de HES !

### XVI-a Itala kongreso

Padova : 25-28 julio 1931

La Esperantista grupo de Padova akceptis la taskon organizi la 16-an kongreson de italaj esperantistoj. La komitaton prezidas la urbestro de Padova (podesta) S-ro D-ro Ing. Francesco Giusti del Giardino. La programo antaŭvidas krom la kutimaj laborkunvenoj ekskursojn en aŭtomobiloj al vidindaĵoj, konkurson de la Itala katedro de Esperanto. Detalajn informojn oni petu de S-ro Giovanni Saggiori, Corso V.E. 6, Padova.

### Postkongreso eu Budapest

Organiza komitato sub prezidanteco de D-ro *Kalocsay* vigle laboras por agrabligi restadon du-tri tagan en Budapeŝto, kie neforgeseblajn tagojn pasigis la partoprenintoj de la XXI-a Kongreso Esperantaj prospektoj kaj fotoafiŝoj je dispono. Adreso : Esperanto-Kongreskomitato, Budapest, VII, Dohány-utca 76.

# 20-a Germana Kongreso

**Hamburgo 1931 - Pentekosto**

La dudeka kongreso de la Germana Esperanto-Asocio estis jubilea. Pasis 25 jarojn, ke en Braunschweig fondiĝis la tiama « Germana Esperantista Societo » el kiu evoluiĝis la nuna GEA. Deksespaĝa bele presita broŝuro[1] germanlingva, skizas la evoluon de unu el la plej malnovaj landaj organizaĵoj. Por malnova batalanto tia rerigardo estas samtempe malĝojiga kaj ĝojiga : Malĝojiga pro la perdo de tiom fervoraj kunbatalantoj kaj ĝojiga, ke malgraŭ ĉiuj sinsekvaj malhelpoj, la arbo Esperanto ne pereis en Germanujo, tiom grava lando por nia afero. Pri la broŝuro ni parolos ankoraŭ aliloke.

La kongreso mem staris sub la influo de la ekonomia krizo, skuanta Germanujon kaj ankaŭ sub la brila aranĝo de la pasintjara en Dresden. Prave siatempe la prezidanto de la GEA rimarkigis, ke la hamburganoj havos nefacilan taskon. Ni konstatu : La kongreso en Hamburgo bele sukcesis. Akcepto oficiala per la Senato de la Hanse-urbo de la estraro kaj eminentaj kongresanoj, alparolo de la urbestro D-ro Petersen, Interkonatiĝa vespero dum kiu nelacigebla samideano Karl Minor parolis en la sendstacio pri nia afero laŭ konata sprita kaj lerta maniero.

Dum la malfermo de la kongreso parolis D-ro Theodor Steche, lingvisto, filo de altmerita D-ro Albert Steche pri « *Sprachwissenschaft und Welthilfssprache* ». Tiu ĉi tradicia festparolado estis disaŭdigita per radio. Senatano Platen bonvenigis la kongreson en la nomo de la Hamburga registaro.

La laborkunvenoj pritraktis la kutimajn negocojn, raportojn, financojn. La stato de la GEA montris je la fino de 1930: 9 landajn ligojn, 123 lokajn grupojn, 131 izolajn kaj 2240 membrojn.

Inter la plezur-aranĝoj estis komprenebIe ekskurso al haveno, vizitoj de la Hapag-ŝipo « Albert Ballin » de la urbo kaj neforgesinde,: Stellingen, la grandioza besta parko de Hagenbeck.

La anoj de UEA kunvenis en aparta kunsido, kie ĉefdelegito A. Münz, Berlin faris raporton.

Entute la tri organizintoj de la kongreso, samideanoj Bünemann, Epstein kaj Minor faris sian eblon kaj vere meritis la koran dankon al ili esprimitan. (Ubikitulo).

# UEA kaj GEA

Interesa ero en la rerigardo de la Germana Asocio estas jena citaĵo : (D-ro Mybs dum la kvara kongreso en Gotha 1909).

Unsere Organisation wird in Einklang zu setzen sein mit derjenigen der UEA ; die Grundlage auf der wir aufbauen müssen, scheint vor allem eine gegenseitige ausdrückliche Anerkennung dieser beiden grossen Faktoren als offizielle Vertreter der Esperanto-Bewegung des In- und Auslandes. Dann dürfte auch die UEA in Deutschland in Zukunft ihre Beamten ausschliesslich aus den Reihen der G.E.S. erhalten, so dass es nicht mehr vorkommen kann, dass infolge persönlicher Unstimmigkeiten, Unzufriedene versuchen, unsere deutschen Gruppen der Gesamtbewegung zu entfremden und unter dem Deckmantel irgendeines rein äusserlichen Titels Sonderbestrebungen nachzuhängen. Andererseits muss die UEA an der G.E.S. die stärkste Stütze haben, und ihre Interessen und Geschäfte werden vielfach gleichzeitig von ihr wahrgenommen werden können. So gibt es einen guten Klang.

Tio signifas ke UEA kaj GEA laboru en harmonio kaj en interkonsento. Tion ankaŭ deziras la estraro de UEA kaj ĝi amike invitas siajn Delegitojn, kiuj ne partoprenas la landan movadon, aliĝi al la enlanda societo, tiel fortigante tiun necesan kolonon. Apud la internacia uzado de la lingvo restas ĉiam la enlanda daŭra batalo por la enkonduko kaj propagando. Unu klopodo kompletigu la alian.

# UEA Kunveno

**Solothurn, Svislando.**

Okaze de la Svisa Esperanto — tago en Solothurn, Majo 1931 la ĉeestintaj membroj de UEA estis kunvokitaj por kunsido de UEA. La plej malnova Delegito de UEA en Svislando, Sinjoro Jayet en Morges malfermis la kunsidon je la 9 ½ h. per agrablaj salutvortoj. Ĉeestis prokz. 30. anoj. S-ro Javet tuŝis diversajn aferojn de UEA, i.a. pri la Jarlibro, la jurnalo, Respondkuponoj, gvidlibroj, libreja fako kaj alvokis la gemembrojn kaj Delegitojn, vigle uzadi la servojn kaj varbi senĉese membrojn ; ĉiam ankoraŭ ni staras en tutmonda, ekonomia krizo, kiun forte sentas nia internacia organizaĵo, malhelpigata pro tio, disvolvigi la disvastiĝon kaj firmigi la financan egalpezon.

En la sekvinta diskutado parolis D-ro Spielmann kaj kiel gasto D-ro Meyer-Saarbrücken, ambaŭ forte substrekante la nepre necesan ekzistadon de UEA.

En kutimata, bonega maniero, parolis ankaŭ nia tre ŝatata prezidanto S-ro Ed. Stettler, kies paroloj instigis certe ĉiun al senlaca aktiveco kaj volonta interhelpo.

Pro la tuj komenconta jara ĉefkunveno de la Svisa Esperanto Societo S-ro. Jayet povis fermi la kunsidon je la 10 ½h. H. K.

[1] Deutscher Esperanto-Bund E.V. — Ein Rückblick auf 25 Jahre 1906-1931. Zusammengestellt von Postrat Behrendt, Vorsitzendem de D.E.B. 16 p., 22 × 16 cm. Presis Paul Göring, Magdeburg.

# Internacia Cseh-Instituto de Esperanto

**Adreso : Oostduinlaan 32, Hago**

(Resumo de Informoj)

*Aliĝoj.* — Aktivaj membroj 86, subtenantoj 44.

*Arnhem.* — Oficiala kurso por nederlanda instruistaro en la Esperanto palaco en Arnhem sub protekto de la urbestraro. Kurskotizo guld. 7.50. Kursanoj loĝas en la belega Esperanto-domo (palaco) moderne instalita. Pensiono kompleta de tri ĝis 4.50 guld.

*Balta Maro.* — Internacia kurso por estona, finna, latva kaj litova instruistaro en Tartu (konata kiel malnova universitata urbo Dorpat). Daŭro de la kurso 11 tagoj. La kurso estas sub la protekto de la estona klerministerio.



Vidaĵo de l'Esperanto-Domo en Arnhem.

*Direkcio* : S-ro Emil Dauge, prezidinto de la Gruparo Berlina kaj iniciatinto de la Ĉe kursoj en Berlino, eniris la direkcion de l'instituto kaj transloĝis Hagon.

*Inaŭguro de la E domo.* — Ĝi okazos en Arnhem la 11-an de Aŭgusto 1931. Kun la domo estas ligita Esperantista hotelo.

*Konversacia Gazeto.* — Estas preparata konversacia gazeto disdonotan je la fino de kurso al la kursanoj. Aplekso : 24 x 32 cm. Ĝi enhavas legaĵojn pri ĉio kio povos interesi novan esperantiston.

*Krakova Kurso.* — Urbestraro de Krakovo invitis pastron Cseh oficiale por gvidi tiun kurson. Enskribiĝis ĝis fino de Junio pli ol 200 personoj. Kursanoj pagintaj la kotizon de 20 Zl. — 12 Frk. sv. rajtas partopreni la seminarion.

*Loterio.* — Por trovi la necesajn rimedojn funkciigi ĉion la Instituto ricevis permeson starigi loterion. Estas eldonata 25.000 lotoj ĉiu por unu guldeno. Ĉefpremio estas 5 persona Nash aŭtomobilo ses-cilindra kaj pliaj naŭ ĉefpremioj. — Entute mil premioj. Informojn kaj mendojn oni adresu al : F-ino, J. E. Rikkers, Anton de Haenstraat 122, Hago. Nederlanda poŝtĉeko : Den Haag 96085.

*Seminario.* — Por disponi pri instruistoj kaj kursgvidantoj laŭ la Ĉe-metodo, okazos seminaria instruado en Krakov sub gvido de S-ro Cseh mem. Kotizo estas 8 zlotoj — 4 Frk. sv. — Rajtas partopreni nur profesiaj instruistoj kaj instruantoj de Esperanto. La programo entenas :

Prelego pri la kursmetodo (Principoj de la metodo) Teknikoj de la aplikado (Konsilaro) Praktikaj prov-ekzemploj) Raportoj de diverslandaj instruistoj ) Diskutado.



# Esperanto en Estonio

En la vico de landoj kie dank'al la energia penado de pastro Andreo Cseh, Esperanto reviviĝis, estas ankaŭ Estonio. En la ĉefurbo Tallinn (Reval) nun ankaŭ la tramistoj partoprenas kurson. Jam estis, kurso por policistoj kaj hotelservistinoj. Vigla turisma rilato kun Svedujo per la zorgaj de la Esp. Turismaj komisionoj kreis grandan intereson. Finas nun kurso de tramistoj gvidita de S-ro H. Rikand. Partoprenis 45 personoj. La urbestraro monhelpis per 200 Kg. (Frk. sv. 275.-).

De 26. Junio — 15. Julio okazis en la universitata urbo Tartu (Dorpat) oficiala instruista kurso de Esperanto por la Baltaj landoj, kiun aranĝis la «Estona Instruista Ligo» kun subteno de la kulturministerio. La ministerio disponigis por tiu celo 350 est. kronojn. Instruis pastro Andreo Cseh mem. Kursestro estis s-o direktoro V. Raukas, Kalda 16-8, Tartu, Estonio. (Laŭ Henr. Seppik)

# Esperanto en Shanghai

La sesa jarkunveno de la Ŝanhaja Esperanto-Asocio okazis 12-an de Aprilo. Prezidis S-ro Li Wei Yoh. Post diskuto de diversaj proponoj



Ĉinaj samideanoj en Ŝanhajo.

sekvis elekto de la nova komitato. La kunveno finis per gaja kunestado en restoracio. (N.C.F.).

# San Antonio de Padova

1231.—1931.

Padovo dissendis al la tuta mondo inviton por la Festoj de la VII.-a jarcenta datreveno post la morto de S. Antono el Padovo.

Al la invito la tuta kristana mondo entuziasme respondis. La datrevenaj Festoj, komencis dum Aprilo por daŭri ĝis Oktobro 1932.

De la tuta mondo, oni anoncas la alvenon de Pilgrimoj, dum Padovo per la konstruo de taŭgaj hoteloj, per la perfektigo de ĉiuj publikaj servoj, en atmosfero de altega fervoro, sin preparas ricevi kaj inde gastigi la fidelulojn kiuj alkuros al ĝia Sanktejo.

Estas same intensiva la organiza agado por la grava Internacia Ekspozicio de nuntempa Kristana Arto kiu restos malfermata de Junio 1931 ĝis Julio 1932 ; al tiu jam aliĝis krom la plej bonmeritaj italaj artistoj ankaŭ fremdaj, ĝis el sep nacioj. Dotita de 100000 it. Liroj por premioj, kaj lokata ĉe la konstruajaro de la Internacia Specimeno-Foiro, en impona arkitekta konstruaĵo, laŭ bazilika formo ĝi promesas jam de nun fariĝi arta okazintaĵo de la plej granda graveco kaj de la plej vasta eĥo.

Al la alvoko jam disdonita post nemulte sekvos broŝuro kiel gvidlibro kaj propagandilo, kiu enhavos la tutan programon de la festoj kaj anoncas la faciligojn favore de la pilgrimantoj.

Oni publikigos la oficialan afiŝon, kiu en la tuta Eŭropo kaj trans la Oceanoj portos la sugestian vizion de la antikva Tombo de la Sanktulo.

# Turismo

Ĝojiga estas la apero de turismaj presaĵoj en Esperanto. Inter la lastaj ni citu :

AUSTRIO

Plurkolora faldprospekto, bruna fono, longa 68,5 cm. alta 25 cm. kun belaj bildoj laŭ fotografaĵoj, plie kolora karto geografia. La tradukon de la teksto prizorgis Registara Konsilanto Hugo Steiner. La belan presaĵon eldonis la Ministerio por Komerco kaj Trafiko en Vieno. (Ricevebla senpage per la Turisma Servo de UEA)

VARNA

(la reĝino de la Nigra Maro)

Libreto, 17,5 x 12,5 cm kun kolora bildo sur la kovrilo, informas pri tiu ĉi bulgara urbo apud la Nigra Maro. 36 paĝoj, dudeko da bildoj, kaj geografia karto. Ano de okcidentaj landoj kun envio rigardas la prezojn : Kompleta tagmanĝo en unuaranga restoracio 40-60 levoj, kio estas 1.50-2.25 Frankoj svisaj! La libreto estas ricevebla de la « Kurortbjuro en Varna ».

Lazné Belohrad.

Klariga libreto pri banloko Belohrad en Ĉeĥoslovaka Respubliko kaj kompletaj informoj pri la Esperantista libertempo, organizita de UEA, teritorio ĉeĥoslovaka. Individuajn informojn pri la Esperantista Libertempejo oni povas poŝtuli de la teritoria oficejo de UEA, Husovo, nám. 628-a en Hradec-Králové.

PLZEN — PILSEN

Kiu ne aŭdis jam pri tiu urbo, tiom konatan pro ĝia produktaĵo, la biero ? Belega preskaŭ luksa gvidlibro, 18,5x13,5 cm., 50 duoblaj paĝoj, falditaj informas pri ĝi en lingvoj ĉeha, angla, franca, germana, pola, serba kaj en Esperanto. Pli ol kvindek bildoj bone suksesintaj ornamas la libron. La teksto estas bona, taŭge presita kaj ne tro detala.

PADOVA

La komitato por la festoj okaze de la sepcentjara datreveno de la morto de Sankta Antonio eldonis broŝuron informen, gvidlibreton por la pilgrimantoj. 17,5 x 12, 5 cm 32 paĝoj, 12 bildoj. La tradukon prizorgis la Delegito s-ro Giovanni Saggiori.

KRAKÓW

Okaze de la 23-a kongreso de Esperanto aperis faldprospekto kun utilaj informaj pri la urbo, ekskursaj lokoj k.t.p. Samtempe la kongresa komitato eldonis belan koloran afiŝon. Ekzemplerojn de la gvidfolio oni postulu rekte de la Loka Kongresa Komitato, 234 Lubicz, Kraków.

VIENO — WIEN.

Okaze de la Internacia Laborista Olimpiado 19-26 de Julio la organiza komitato eldonis faldprospektojn en pluraj lingvoj kaj en Esperanto. Tre altira afiŝo, alta 80 larĝa 30 cm kun teksto en Esperanto atestas pri la grava atento kiun donas la komitato al nia lingvo, deklarita kiel sola internacia lingvo dum la olimpiado. Bedaŭrinde esp. sportistoj ne sufiĉe eluzis tiun bonan okazon por aranĝi ion je konvena tempo t. e. ne dum la lastaj semajnoj sed monatojn antaŭe. (Laŭ Fr. T. Aussig)

*Liechtenstein.*

Vizitu la princlandon Liĥtenŝtejno, estas la titolo de gvidfolio kvarpaĝa eldonita de la Turisma Unuiĝo de Liechtenstein en Vaduz, sub aŭspicioj de la Turisma Servo de UEA. Ĝin tradukis Robert Kreuz, L.K. kaj presis Heroldo de Esperanto, kun kui ĝi estis sendita. Estas la dua eldono de tiu ĉi folio. Mendebla ĉe : Liechtensteinischer Verkehrsverein, Vaduz, aŭ ĉe Turisma Servo de UEA.




## Internacia Polica Ligo

### Oficiala Informilo

Sukcesplena kurso inter la policanoj en Oslo !

Raporton pri tio ni dankas al sinjoro Paŭlsen, konata pioniro de la Esperanta-movado. Jene li raportis :

Dum kelkaj jaroj jam bruletis fajrero por Esperanto inter la policanoj de Oslo. Ĉi tiu fajrero last-printempe fine ekflamiĝis dank' al Rezolucio de Kolonjo. La energia pioniro por nia afero, sinjoro Anders Hagen, policisto, en Oslo, Skippergaten 36, lerte eluzis ĉi tiun gravan momenton por sukcesplene starigi Esperantan Klubon inter la policistoj de Oslo. Ĉi tiu klubo eĉ fondiĝis agnoskita kiel subgrupo de la Policistara Asocio de Oslo kaj ankaŭ ricevis helpon de ĉi tiu Asocio de 100 kronoj.

La klubo krome aliĝis al la Norvega Esperanta Ligo kaj al la I.P.L. La prezidanto de la klubo, la nomita sinjoro Hagen, samtempe funkcias kiel landa delegito de I.P.L.

La klubo tuj komencis varbadon kaj sukcesis arangi kurson inter la policanoj laŭ metodo Ĉe. La policestro disponigis la necesan klasĉambron en la polica lernejo de Oslo senkoste. Provleciono tie okazis je la 26.2.31 sub gvido de sinjoro Paŭlsen. 27 personoj aliĝis al la kurso, inter ili du sinjorinoj kaj knabo, filo de sinjoro Hagen. Pro la tre varia polica deĵortempo necesiĝis du paralelkursoj po du horoj trifoje semajne. Kiel kutime ĉe la Ĉe — kursoj la intereso de la lernantoj konstante kreskis kaj la kursoj plene sukcesis.



La fiksitaj 48 lecionoj finiĝis je la 4.5.31. Dum la lasta leciono kolektiĝis ĉiuj partoprenantoj de ambaŭ kursoj. Krom kelkaj malnovaj esperantistoj ankaŭ invite ĉeestis la policinspektoro de Oslo kaj la redaktoro de la Norvega Polica Gazeto. Post la disdono de la diplomoj la policinspektoro gratulis pri la rezultoj atingitaj, kiujn li juĝis tre atentindaj konsidere la mallongdaŭran kurson. La provleciono estis partoprenita de li. Ankaŭ la redaktoro de la Norvega Polica Gazeto gratulis kaj promesis daŭran favoron rilate al la propagando per sia fakrevuo. Li rimarkis, ke ĝi jam dum unu jaro vaste malfermis ĝiajn paĝojn al la esperanta lingvo.

Per parolado de sinjoro Hagen la lernantoj kore dankis al la instruisto, sinjoro Paŭlsen, transdoninte al li kiel signon de danko arĝentan florvazon kun rozoj.

Post la oficiala finigo de la kurso sekvis komuna kunesto kaj festo en la restoracio « Arcadia », kiu longe daŭris laŭ speciala permeso de la policestro. Dum la festo denove ankaŭ paroladis la policinspektoro kaj la redaktoro de la Polica Gazeto. Sinjoro Brochmann - Sletteröd legis kelkajn el siaj plej bonaj historioj, tondre aplaŭdataj.

Aŭtune oni intencas aranĝi novajn kursojn inter policistoj ne nur en Oslo, sed ankaŭ en aliaj urboj de la lando.

La aldonita bildo prezentas la kursanojn kaj estas disponigita de la profesia policfotografisto.

Tutkore ni dankas al niaj fervoraj pioniro en Oslo, kiuj donis al ni imitindan ekzemplon en la celo, disvastigi nian helplingvon inter la policanaro.

A. Pohle, Liga redaktoro.

## Esperantista vivo

Edziĝoj.

*** S-ro D-ro Inĝ. K.H. Friedmann, ano de UEA en Dresden kun F-ino Alse Homilius.

*** F-ino Erika Hessler, Filino de nia ano Paul Hessler, kun D-ro Wappler en Dresden.

## Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

*S-ro Vladimir Szmurlo,* Riga 28.2.31.

Pioniro de l'unua jaro en Ĉelabinsk, Siberio.



Vl. Szmurlo

(Nekrologo aperis jam en Aprila n-ro, paĝo 66).

*S-ro L. W. Cronkhite,* D.D., Delegito de UEA 1914-1919-1921 en Bassein, Birmo, Naskiĝis 1856 kaj laboris dum 25 jaroj kiel misisto baptista en Hindujo. Greenwich, (New York) 28.2.1931.

*F-ino Carola Koch,* N-ro 26536, D en Bad Soden im Taunus, German. Dum Majo 1931, sen pliaj informaj laŭ indiko sur reveninta gazetekzemplero.

*S-ro Alexis Voelker,* Ano 15881, dum pluraj Subtenanto kaj Delegito en Meiningen, German. Laŭ reveno de gazetekzemplero. Pliaj informoj mankas.

*S-ino Maria Teresa Tammaro,* Direktorino de la Kampana Regiona Instituto en Napoli, Majo 1931.

*S-ro Ernst Hembach.* — Ano de UEA 33255 en Kőnigsberg i. Pr. (sen pliaj detaloj).

## Oni uzu Esperanton dum vojaĝoj !

La deĵorantaj fervojistoj plendas, ke ili malofte aŭdas de la vojaĝantaro pri nia lingvo. Eĉ direkcioj kritikis tion! Pro tiu kaŭzo, kaj sciante kiom la uzado de Esperanto dumvojaĝe estas taŭga propagando por antaŭenpuŝi nian movadon, ni petas, ke ĉiu esperantisto vojaĝanta eskterlanden rekte provu alparoli helplingve, kvankam li ne scias, ĉu la deĵoranto estras Esp. Antaŭ ĉio, oni demandu al ĉiu fervojisto aŭ poŝtisto : « Ĉu vi parolas en Esperanto »? Tiel ili konstatos ke Esperanto estas vera utilaĵo, kaj se ili ne konas ĝin, ili certe eklernos!

Plie dum skribaj interrilatoj kun la direkcioj oni uzu ankaŭ nian lingvon postulante se la oficiala respondo ne estas en Esp. oni bonvolu aldoni tradukaĵon de ĝi!

Ĉiu esperantisto helpu tiamaniere al niaj klopodantaj fervojistaj samideanoj.

Svisa Asocio de Esperanto-Fervojistoj.

## En kelkaj linioj



*** Eldona Societo Esperanto, Stockholm, Svedujo, jarkunvenis la 25an de Majo. La debito dum la jaro 1930 atingis 41,209 sved. kronojn kontraŭ 22,833 kronojn dum 1929. La Gajno-Perdo-konto bilancis je 7,982 kronoj kaj la Aktivoj-Pasivoj je 21,926 kronoj. La neta gajno dum la jaro estis 1,208 kronoj, kaj la jarkunveno decidis dividendon de 6%. La estraro ricevis deŝarĝon. La eksiĝantajn membrojn de la estraro, S-roj H. Halldor kaj A. Larson, oni unuvoĉe reelektis.

*** « Balkana Konkordo », N 5-6, majo-junio, 24-paĝa, kun multaj interesaj kliŝoj, dediĉita al balkanaj kuraclokoj kaj turistaj objektoj. Tre interesa kaj nepre havinda. Aparta numero 0.50 sv. fr. en internacia respondkupono de UEA ; tutjara abono 4 sv. fr. Adreso : « Balkana konkordo », Sofia, Bulgarujo, Poŝtenska kutija, 233.

*** Eldona Societo Esperanto, Stockholm, Svedujo, eldonis novan serion de ses fotografaj poŝtkartoj el Stockholm kun sveda kaj esperanta teksto. La kartoj prezentas : Reĝa drama teatro, kaj la Strato Kungsgatan. La prezo estas po 0.15 sved. kr.

*** La aŭtoro de la unua mondhistorio en Esperanto (Jarmiloj Pasis) Sinjoro Hermann Haefker ricevis honordonon de Mil Markoj de la Saksa registaro pro tiu ĉi verko.

*** The British Esperantist, oficiala organo de la Brita E Asocio aperas nun sub alia formo kaj formato, 21,5 × 14 cm. La revuo International Language ne plu aperas aparte sed estas enkorpigita en la B.E.

## Disko " La Espero "

Granda sukceso de la himno-disko. La unua serio de 500 diskoj jam elĉerpiĝis! Nova dua serio jam estas mendata. La disko trovis ĝeneralan aplaŭdon.. jen la prijuĝo de Sinjoro Prof. O. Bujwid, Krakovo :

Aŭdinte vian gramofondiskon mi povis konstati, ke la Esperanto-himno estas bone ekzekutata kaj la kanto el la « Sorĉa fluto » bele kantita de bona kantisto. Estas dezirinde, ke la disko disvastiĝu inter diverslandaj rondoj.

Tial-gesmideanoj, sendu senprokraste vian mendon.
Komercista Esperanto-Unio, Friedrich August Strasse 4. Dresden-Radebeul, German.



## * PILORIO *

Ni avertas pri la firmo Bibliofila, posedanto samideano Henriko Fischer-Galati, Bukureŝto, strato Wilson 1. La firmo mendas librojn por komisiia vendado kaj rifuzas poste la pagon. Petoj restis fine sen respondoj, pago-promesoj ne plenumitaj Procesoj al la firmo estas laŭdire senfruktaj. Eldonejo Ferdinand Hirt & Sohn, Esperanto-Fako. Leipzig.

## Tutmonda Esp. Kuracista Asocio
## Kunveno en Krakovo 1931

**PROGRAMO**

*Tago* : 6. de Aŭgusto 1931. *Horo* : 9.30 Antaŭtagmeze.
*Ejo* : Krakova Kuracista Hejmo (Dom Lekarski) Str. Radziwillowska (legu Radziviŭovska) N-ro 4.

1. Mallongaj salutparoloj.
2. *D-ro Blassberg* (Polujo) : Pri la antikva Krakova Medicina fakultato kaj mondfamaj Krakovaj kuracistoj.
3. *Prof. Canuto* (Italujo) : La medicino kaj medicinistoj en la nova itala Punleĝaro.
4. *D-ro Bulyovszky* (Hungarujo) : La patrina kaj suĉinfana prizorgo en Hungarujo.
5. Propra (senpaga) TEKA-ekskurso per aŭtobusoj al la moderna frenezulejo en Kobjejin apud Krakôw.
6. Reveno al Krakôw kaj komuna (senpaga) tagmanĝo por la TEKA-TEKA-noj anoncu sian aliĝon al la Sekretario de la Kongreso!

D-ro Blassberg.

## Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

*Alger.* — S-ro René Coudroy, La Cité, rue d'Isly 26, PI bfl kun PM diversaj por afranko. K. ĉ. l. Certe respondos.

*Amsterdam* (Nederlando). — S-ro E. A. Zilver, Damrak 95, PM (Malakceptas bagatelajojn).

*Aosta* (Italio). — S-ro G-Sturmia, Convitto Nazionale, PI L., geografio, historio, kutimoj de Alĝerio precipe pri regularo kaj historio de la Fremdula Legio.

*Aussig.a. E.* (Cehoslovakio) — 36-jara fraŭlo, konstrufakano, deziras viglan, leteran interkorespondadon kun samideanoj el la tuta mondo. Skribu al S-ro Franz Tischer, Dr. Schmeykalstr. 6.

*Bakov nad Jizerou* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Václav Nechvilka, PI el ĉefurboj kĉl. Certe respondos.

*Berlin* (German).—F-ino Martha Lenk, S.O. 36, Falckensteinstr. 48. L. kaj P.K.F. k.ĉ.l. ĉiam respondas.

*Berlin* (German). — F-ino Katharina Lenk, poŝtistino, SO36, Falckensteinstr. 48. L. kaj P.F. k.ĉ.l. Tuja respondo-garantiata.

*Brandys nad Labem* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Zdeněk Prokop, del UEA, PM, PI, bfl.Gaz. nacilingvaj & esp. Letero per aeropoŝto same respondota. Ĉiam kaj tuj respondas.

*Bratislava* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Emil Ott, ekskapitano, Gyürkovicsgasse 8-a. PM. k.ĉ.l.

*Bruxelles* (Belgujo). — Kelkaj junuloj deziras korespondi L. PI. kun fraŭlinoj al. ĉ.l. Skribu ol. Werner Verhaeghe 31. rue de l'Equité, Jette-Bruxelles.

*Budapest* (Hungarujo). — Korespondantojn seriozajn serĉas el tutmonda junularo : Hung. Esp. Skolta Rondo. V. Nagy-Sándor-6. ankaŭ PM — adreson bv. transdonu al loka sk. tr.

*Buenos Aires* (Argentino). — S-ro Rodolfe G. Bosch, Estados Unidos 2540. P.I. k.ĉ.l.

*Burgas* (Bulgarujo). — S-ro Vasil T. Ŝivaĉev, str. Pirotska 6, L., PI. pri diversaj temoj. Interŝanĝas ankaŭ PM. Nepre respondos.

*Bydgoszcz* (Polujo). — S-ro Potocki, gimnaziano, strato Pomorska 60, P. I. k.ĉ.l. Certe respondas.

*Ceuta* (Hispana Maroko). — S-ro Pedro Garcia, Falleres de la Puntilla, P.M. L. k.ĉ.l. germanoj, francoj, angloj kaj ĉeĥoj, nur kontraŭ respondkupono, precipe neuzitaj P.M. kontraŭ marokaj kaj his

*Cocentaina* (Hispan. Alicante). — F-ino Iluminada Albero, str. Santos Médicos 30, PI. k.ĉ.l.

Döbeln (German.). — S-ro Hans Schmidt, Dr. Ziegerstrasse 4, seĉos gekorespondantojn el ĉiuj landoj, por siaj lerantoj, policistoj fervojistoj, komercistoj ; precipe por PI bfl. ankaŭ L kaj P.M.

*Gradisca d'Isonzo* (Italio). — S-ro Marino Di Bert, oficisto, Via Vitt. Emmanuele III. 66. L.P.I., ĉiam respondas (k.ĉ.l.)

*Hodonin* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Otokar *Konecny*, komerckomizo PI, L, kĉl. Certe respondas.

*Hodonin* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Ludoviko *Irsik*, librotenisto kaj Del. UEA, Vystavni 24. PM., L, PI, kĉl. Tuja respondo garantiata.

*Jelenie poŝto Kraszewice* (Polujo, Pow. Wielun). — S-ro Marjan Tvszkiewicz, instruisto, L., PI., fotojn naciajn kantojn, popolkantoj kun muziko. Pri naciaj literaturo kaj moroj kaj fotografado.,

*Landeshut Schles.* (Germanujo). — S-ro A. Baumgart, Postfach fotajojn, PI b.f.l. k.ĉ.l. prefere kun gestenografistoj laŭ sistemo : Duployé. Flageul.

*Leningrad* 11 —(U.S.S.R.). — S-ro S. D. Ivanov. ul. 3 Julia 15, kv. 42. — Deziras korespondi kun samideanoj ludantaj ses-kordan (hispanan) gitaron, el tuta mondo.

*Litovel na Morave* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Miroslav Parízek, ucen u fy St. Parizek PI, L, PM kĉl po 100-200 grandvaloraj. Respondas tuj kaj certe.

*Lisboa* (Portugal). — S-ro José G. F. Murcias. R. Joaquin Casineiro 60-3-o PI., L. PM. ĉ. l.

*Marseille.* — F-ino G. Baude, 18 rue St. Pierre, PI., bfl. L.k.ĉ.l.

*Mikstat* (Pol.) — S-ro Edward Cholewinski, PM k.ĉ.l.

*Montevideo* (Urugvajo) — S-ro Juan Sarachaga, strato Civicos, 2700 deziras korespondadi per ilust. p. k.

*Montevideo* (Uruguay) — José B. Tutzo, str. Sarmiento, 2404. — Interŝanĝas PM de la tuta mondo.

*Ninove* (Belgujo). — S-ro Georges Rogiers, Chaussée d'Alost, deziras korespondi PI. L. kĉl. Certe respondos.

*Novi-Sad* (Jugoslavio) — S-ro Jozefo Vécseu, Nemaĉka ul. 37, PI. urbvidajojn bfl. k.ĉ.l.

*Panevezys* (Litovio) — Fino Laurinaviĉiute Jadze, telefonistino, PI. k.ĉ.l.

*Panevezys* (Litovio) — F-ino Zaliauskaite Juze, poŝtoficistino. PI.

*Panevezys* (Litovio) — F-ino Vertelkaite Brone, telefonistino, PI.

*Panevezys* (Litovio), — F-ino Vycaite Natalija, telefonistino, PI.

*Panevezys* (Litovio). — S-ro Stepukonis Mikas, poŝtoficisto, PI.

*Peoria-Illinois* (U.S.A) — S-ro Paul Satchfield, 1127 Melbourne Street PI. L., precipe kun junuloj.

*Plock* (Polujo) — S-ro M. Moszkowicz, ul. Szeroka 51, PI., k.ĉ.l.

*Praha.-XI.* — S-ro Ant. Alexander. Jicínská . PI. k.ĉ.l. kaj etnografiaj informoj.

*Reghin* (Ruman.) — S-ro Aleksandro Birthler, str. Garei 26, 30 jara L PK kun lertuloj en Esp. kaj angla.

*Reichenau bei Gablonz a.d.N.* (Ĉeĥoslov.) — F-ino Kamilla Schulz, VD de UEA mil nedifektitaj kurantaj ĉeĥoslov. PM kontraŭ sama kvanto ĉiulanda speciale nordlandoj kun seriozaj filatelistoj. L pri div. temoj. Nepre respondos.

*Salonta* (Ruman.). — S-ro Ludoviko Orendy, jud. Bihor, Calea Carol II 5, deziras korespondadi kun fotografistoj amatoraj (inoj) pri foto temoj kaj interŝanĝi amatorajn bildojn.

*San Carlos* (Urugvajo). — F-ino Maria Rufa Castro. Deziras korespondi per Ilustritaj p. k.

*Sapporo* (Japanujo) — S-ro. Kusuo Acumi, Kita 5, Niŝi 20 ; Inĝeniero de Agrikul. Eksperimentejo ; L., kaj PK. Pri Agrikulturo precipe pri Hortikulturo.

*Serrières* (Svislando) — S-ro Emmanuel Zurcher, deziras korespondi kun instruistoj japanaj kaj ĉinaj pri laboroj koncerne la edukadon de la infanoj.

*Scheveningen* (Nederlando) — S-ro Alex Belinfante, van Dorpstraat 24, PI L k.ĉ.l.

*Tomsk* (Siberio) — S-ro Aurenius Anatol, Zateevskij per. 3., kv. 3. Artaj PI (naturbildoj, skulptaĵoj k.s.)

*Venlo* (Nederlando). — B. Hendrix, Slooterbeekstraat 30, Arĥitekto, deziras interŝanĝi arĥitekturaĵojn (presaĵojn, fotografaĵojn) kaj korespondadon pri moderna arĥitekturo.

*Warszawa* (Pol.) — F-ino Erna Finkelkraut, Polna 66. m. 1, PI., L. kun kleraj kaj inteligentaj partoprenontoj de la 23-a kongreso.

*Wlodzimierz* (Pol.) — S-ro E., Krajewski, florkulturisto, PK pri florkulturado, lingvistiko kaj meteorologio.

*Zaragoza* (Hispan.) — S-ro Alfonso Perez, Estebanes 9-2, PI L k.ĉ.l.

*Zeulenroda* (Germanio) S-ro Erich Böhnhardt (ŝparkaso) 23j. komencanto PI ».

# Petoj kaj Proponoj

## INTERNACIA KOMERCO

*Adresaro.* — Nia nova « Adresaro 1931-32 » aperis ; ĝi enhavas la precizajn adresojn de la geliganoj en 122 diversaj lokoj. La adresaro kostas inkluzive afranko unu poŝt-aŭ UEA-respond-kuponon. Sudokcidentgermana Esperanto-Ligo (SOL) Wiesbaden (Germanujo)

*Adresŝanĝo.* — S-ro Mikkel Jürgensen, informas gekorespondantojn pri sia nova adreso : Virulane, Rakvere (Estonio)

*Ĉu vi estas muzikemulo ?* — Por du svisaj Frankoj mi sendas afrankite du kantojn, unu meza voĉo kaj piano, pri poemoj de Gala Petrova, originalajn komponajojn. (Plimultigita manuskripto sed bone legebla) Kurt Haefeker, Im Sorenfelde 2, Hamburg-Volksdorf (Germanujo).

*Fotografajojn,* Malfacile Akireblajn pri popolvivo pejzaĝo, religio, politiko, sperto, virinoj, infanoj, antikvaj kaj modernaj belartoj (ekz. artpentrajoj, ideografiajoj, religiaj skulptajoj) kaj ĉiuj aliaj interesajoj de leviganta kaj en la europaj kaj amerikaj okuloj mistera Ĉinujo volas liveri ĉina amatorfotografisto al ĉiulandaj bild-jurnaloj kaj — gazetoj Esperantaj kaj nacilingvaj kontraŭ rekompenco. Oni rajtas traduki la Esperantan klarigan en nacian lingvon. Kiajn fotojn vi bezonas, petu ĉe S-ro Naŭu Ĉanĝia Fu, del. de UEA, 67 Yawyiwan, Chinkiang, Ĉinujo.

*Gejunuloj atentu.* — Pro granda amaso da ricevitaj adresoj mi ne povas tujpublikigi ĉiujn. La porjunulan gazeton mi sendas nur interŝanĝe je via (nacia). F-ino Julie Šupichová), instruistino Mala Štěpánská 6, Praha II, Ĉeĥoslov.

*Helpo.* — Kiu franca samideano ebligus al senlabora germana bank-oficisto 24 jara senpagan restadon aŭ volontulan laboradon por perfektiĝi en la franca lingvo. Skribu al : Konrad Henkel, Laimnau bei Tettnang, German.

*Kuracisto universala,* serĉas korespondadon seriozan por eventuala posteno, speciale en la fakoj nerva, psiĥologia kaj dentista. Se eble en Nord — aŭ Sud — Afriko, Sudameriko, Aŭstralio. D-ro Jozefo Komlossy, Nagykallo, Hungarujo.

*Letervesperon* aranĝas societo — Esperanto Rondo, en Asch, fine de Aŭgusto 1931. Ĉiulandaj gesamideanoj sendu PI., L., laŭ adreso de S-ro Rudolf Hollerung, Burgerheimstrasse 1815, Asch Ĉeĥoslovakio. Respondo garantiata.

*Malnovaj numeroj de « Esperanto ».* — La numeroj 190 (6), 191(7) 192-8, 193(9) 194(10), el la jaro 1916 estas serĉataj de S-ro Alexander Weisz, del. de UEA en Banska Bystrica, Slov. Ĉeĥoslovakujo Rekompenco laŭ interkonsento.

*Okulsciencistoj.* Ĉiuj, kiuj okupiĝas pri optiko kaj okulscienco estas petataj skribi al mi siajn adresojn. Se sufiĉa intereso montriĝos, oni intencas fondi internacian grupon kun la celo akceli la enkondukon de nia lingvo en okulsciencajn rondojn. Por ĉi tiu celo estas nepre necesa multnombra subteno. Skribu al Edward W. Woodruff, 56, Falmouth Road, London, S.E.1. Anglujo. Aliaj gazetoj bonvole represu.

*Restad-interŝanĝo.* — Ĉu mi trovos samideanojn en Francujo, Sudslavio aŭ Italio ĉe kiuj mi povus travivi senpage unu semajnon de mia libertempo ? Kontraŭ tio mi invitas plenumonton, travivi samkondiĉe aŭ pli longan tempon en ĉeĥoslovaka submontara regiono. Seriozajn proponojn sendu sub « Serioze » al la redakcio de Esperanto, kiu ĝin postsendos al mi.

*Raportado.* — Por la esp. kolono en ĵurnalo « Ĉerno More » mi bezonas informojn pri la esp. movado de ĉiuj landoj, ŝtatoj, urboj. Per tio mi konatigas speranton al la legantaro de la gazeto, kaj kreas intereson al nia afero. Adresu : Georgi Sapunĝief, Vicdelegito de UEA, Boteva 59, Varna, Bulg.

*Soldatservo.* — Pro foresto de Majo ĝis oktobro en militservo, Delegito de UEA en Jyderup Danlando, S-ro Erik Pedersen ne povas plenumi la taskon de Delegito.

L'IMPRIMEUR-GÉRANT : A. GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE

# NOVE ELIRONTA BENSONA VERKO
# METODO, KRESTOMATIO, VORTARO,
## 500 PAĜOJ FORMATO 8-26 cm. 10145 BILDOJ, 40 LINGVOJ

La unua kaj sola universala, kompleta, rekta metodo, kiu iam ajn aperis en iu ajn lando aŭ lingvo. La verko konsistas el tri partoj, lukse binditaj en unu grandioza, grandformata librego.

La unua parto prezentas la jam bone konatan rektan bildmetodon « Universala Esperantistigilo », relaborita kaj plibonigita per multaj novaj bildoj, legekzercoj por komencantoj kaj la prononcado de la esperanta alfabeto en multaj diversaj lingvoj. La amplekso de tiu ĉi parto estas nur unu dekono de la volumo.

La dua parto prezentas ampleksan krestomation, kiu enhavas pli ol 100,000 vortojn de la plej bonaj elektitaj rakontoj, fabeloj, humoraĵoj, versaĵoj k.c. La materialo por ĉi tiu parto estis ĉerpita el la gazetoj- « Esperanto », « Heroldo de Esperanto », Sennaciulo », « La Lernanto », « Verda Stelo », « Esperanto Junularo », « Literatura Mondo », kaj preskaŭ la tuta enhavo (rakontoj kaj legaĵoj de la gazeto « Lingvo Internacia » de la tuta jaro 1896.

La tria kaj plej grava parto, kies enhavo prezentas ses dekonojn de la librego, estas PLENA UNIVERSALA VORTARO. La sola vero universala vortaro, kiu iam ajn aperis, ĉar la vortoj estas difinitaj per bildoj komprenataj en ĉiu lando, de ĉiu nacio, kaj de ĉiu aĝo. Ĉi tiu parto de la volumo konsistas el pli ol 300 kvarkolonaj paĝoj kaj enhavas pli ol 8000 speciale desegnitajn klarigajn bildojn.

Jen do, vortaro, kiu ekinteresos la leganton kvazaŭ li legus interesantan romanon. Jen vortaro, kiu servos, ne nur, por trovi la difinojn de esperantaj vortoj, sed ankaŭ por amuziĝo dum libera tempo. Foliumante la paĝojn, vi trovas bildojn interesajn, instruajn, komikajn, problemajn, humorajn, enigmajn, enspirajn, surprizajn k.c., k.c. La bildoj elvokas jen ridon, jen pripenson, jen divenon, jen miron, jen... Sed lasu min doni al vi kelkajn detalojn. Mi diras « kelkajn », ĉar priparoli ĉiujn estas neeble en ĉi tiu spaco.

La vortaro enhavas, ne nur la kvar mil radikojn aprobitajn de la Lingva Komitato, sed ankaŭ 1,500 aliajn sciencajn kaj teknikajn vortojn. Krom la bildklarigoj, la plejmulto de la radikoj estas ankaŭ difinitaj per esperantaj klarigoj kaj esperantaj frazoj. Al la pli ol 5,500 radikoj estas aldonitaj miloj da aliaj pretaj vortoj klarigitaj per bildoj. Jen ekzemploj : sub la radiko « Ŝraubo » troviĝas 9 bildoj — nome — Ŝraubo, Ŝraubingo, Ŝraubnajlo, Ŝraubrelo, Ŝraubturnilo, Ŝraubmezurilo, Ŝraubigilaro, Ŝraubborilo, Universala Ŝraubturnilo. Sub la radiko « Mano » troviĝas 7 bildoj — Mano, Maneto, Manumo, Manplato, Mandorso, Manpremi, Enmanigi. Sub la radiko « Manĝi » troviĝas 7 bildoj — Manĝi, Manĝas, Manĝaĵo, Manĝemulo, Manĝotablo, k.c., k.c.

Sed jen la plej grava. El la tutaĵo de la esperantaj radikoj mi elektis 1070 radikojn, kiuj estas la plej ofte uzataj dum ĉiutaga vivo kaj klarigis ilin per 40 lingvoj. T. e. ĉiu el la elektitaj 1070 radikoj estas difinita krom per la klarigaj bildoj, ankaŭ en 40 diversaj lingvoj. Ĉiu lingvo estas markita per numero. Ekzemple : la Germana lingvo havas ĉiam la numeron 9, la Rusa 16, la Estona 26, la Japana 40, k.c. La numeroj ebligas la tujan trovon de la nacia difino de la esperanta radiko. Jen estas la 40 lingvojn : Angla, Franca, Hispana, Itala, Portugala, Latina, Kataluna, Rumana, Germana, Holanda, Dana, Norvega, Ŝveda, Juda, Pola, Rusa, Bulgara, Serba, Rutena, Bohema, Slovaka, Slovena, Kroata, Hungara, Albana, Estona, Fina, Ĥimra, Latva, Litova, Islanda, Flandra, Romanĉa, Turka, Malaja, Greka, Persa, Araba, Hina, Japana. La Prepozicioj, Adverboj, Prefiksoj, Sufiksoj kaj multaj aliaj vortoj estas krom tio klarigitaj per multaj esperantaj frazoj ĉerpitaj el la « Fundamento ». Ekzemple — la prepozicio « En » havas 28 frazojn, la adverbo « Pli » havas 15 frazojn, la prefikso « Mal » havas 20 frazojn, la sufikso « Ig » havas 25 frazojn, k.c., k.c.

Al la radikoj esprimantaj sciencojn, artojn k.c. estas aldonitaj bildoj de famuloj. Ekzemple : sub la radiko « Ĥemio » troviĝas la bildoj de la Ĥemiistoj Lavoisier, Dalton, Davy, Berthelot, Gay Lussac, Bertholet. Sub la radiko « Filozofo » troviĝas la bildoj de la filozofoj Aristotle, Sokrates, Plato, Spinoza, Schopenhauer, Kant. Sub « Komponi » la bildoj de komponistoj Wagner, Dvorak, Mendelsohn, Gluck. Sub « Esplori » la bildoj de esploristoj Columbus, Cabot, Magelan, Andrée, Byrd. k.c., k.c. entute ĉirkaŭ 300 bildoj de historiaj famuloj en diversaj fakoj de scienco, arto, industrio, religio, politiko, k.c., k.c.

Vi ankaŭ trovos multajn bildojn el la mitologio kaj multegon de varispecajn bildojn de la sciencoj, artoj, metioj, kaj industrioj, tro multe por mencii en ĉi tiu spaco.

La formato de la originalaj paĝoj estas multe pli larĝa ol la paĝoj de la presota libro, kaj nur dank al tio mi povas enmeti tiom da materialo en nur kvincent paĝoj.

Laŭ la opinio de kelke da personoj, kiuj vidis la originalajn paĝojn, la prezo de la verko estu minimume 25.00 dolaroj, ĉar la preparo de tiuj forprenis, ne nur, multajn milojn da dolaroj, sed ankaŭ jarojn de tre malfacila laboro. Tamen mi decidis, ke la verko kostu ne pli ol kvin dolaroj, eble eĉ kvar. Tio tute dependas de la estontaj elspezoj por fari la kliŝojn, la presado kaj bindado de la verko.

Kiel ajn, ni nun anoncas favoran prezon de tri Usonaj dolaroj al ĉiuj, kiuj sendos la monon antaŭ ol la verko estas presita. Kaj mi promesas resendi unu dolaron en okazo, se mi decidos, ke la prezo de la verko estu nur tri dolaroj.

Ĉar la laboro forprenas mian tutan tempon, kaj mi en nenia maniero povas ŝpari tempon por respondi demandojn, mi estas devigita peti la mendontojn kaj interesulojn, ke ili ne skribu longajn leterojn. Nur sendu poŝtmandaton por tri dolaroj kune kun via adreso skribita per presliteroj kaj tio sufiĉas. Mi sciigos la ricevon de la mendo per poŝtkarto. La verko estos tute finita antaŭ la fino de la jaro 1931. La progreso estos anoncita de tempo al tempo.

Mi ankaŭ petas la redakciojn de esperantaj gazetoj (escepte tiuj jam menciitaj) ke ili elektu bonajn varispecajn legaĵojn presitajn en iliaj gazetoj, kaj sendi tiujn al mi, por ke mi povu pligrandigi la krestomatian parton de la verko. La nomo de la verkisto same kiel la nomo de la gazeto aperos sub ĉiu legaĵo. Por la sama celo mi ankaŭ akceptos originalajn aŭ tradukitajn legaĵojn de verkistoj, sed en tiu okazo la manuskriptoj devas esti maŝinskribitaj. La nomoj de la verkistoj aŭ tradukistoj aperos sub ĉiu legaĵo.

Ankoraŭ unu fojon mi petas, :

NE SKRIBU LETEROJN KUN DEMANDOJ, ĈAR MI NE HAVAS TEMPON POR RESPONDI.

BENSON SCHOOL OF ESPERANTO, 719 HIGH STREET, NEWARK, NEW JERSEY, USONO.